XI[a] jaro. N[o] 160 (1) ⋆ Duonmonata ⋆ 20 januaro 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAJOJ

# La Popolaj Universitatoj

La disvastigo de meza intelekta kulturo inter la popolamasoj ne plu estas, kiel oni antaŭe kredis, la preskaŭ nerealigebla utopio. Ĝi eĉ ne plu estas estonta eblaĵo, sed nuntempa realaĵo.

Tamen, la sperto montris, ke, por plene kontentigi ĉiujn ekzistantajn bezonojn kaj definitive solvi la problemon de la popola edukado, ne sufiĉis instrui la laboriston pri elementaj scioj. Tute ne! Dum, en la pasintaj jarcentoj, la proletarioj trankvile restadis malkleraj kaj ne penis eliri el sia malklereco, ni nun vidas, ke la duoninstruita popolamaso, aŭ almenaŭ ĝia plibona parto celas al plia kulturo.

Cetere, facila estas la psikologia klarigo de tiu fenomeno. La malklerulo trovas memkomprenebla la fakton, ke li nenion scias; sed kiu komencis sin instrui, tiu lernas per tio, ke li ankoraŭ multon nescias. La individuo, kiu akiris parton de tiu alta kulturo, tiel longe rezervita al la burĝaro, eltrovas, ke tiu kulturo estas potenca ilo, fonto de spirita pliriĉigo; li do havas la deziron ĝin plene akiri.

Tial, ni konstatas, ke en ĉiuj civilizitaj landoj, la popolamaso reale interesiĝas je la entreprenoj de popola klerigado kaj akurate vizitas la kursojn malfermitajn por ĝi. Aparte vigla estas tiu intereso ĉe la urba popolo, al kiu la ĉiutaga industria aŭ komerca laboro montras la utilecon de l' instruado, kaj pli speciale en la socialismema proletariaro, kiun kreis la granda industrio.

Kion valoras por la homara progreso tiaj tendencoj?

Unue, oni konstatas per si mem organikan perfektiĝon de la homaro, kiam la plimulto de la homoj atingas pli altan gradon de intelekta matureco. Pri la utileco de la scio je la vidpunkto de la individua feliĉo, oni pensu, kion oni volas. Oni eĉ povas konfesi tiun eraron, ke la manko de bezonoj kaj la malklereco feliĉigas la homon. Ĉiuokaze, ne dubeble estas, ke en la skalo de la estaĵoj la klera individuo estas *super* la malklera, ke de la besto al la primitivulo, poste al la iama kvazaŭbruta manlaboristo, la evoluado progresas atingante la nunan laboriston, kiu iom konas la leĝojn de la naturo kaj de sia propra vivo.

Disvastigi inter la popolo la kulturon, la altan kulturon, — ne sole tiun elementan instruadon, kiu kvankam necesa por la vivbatalo tamen liveras nur studrimedojn, — estas sendube konforma al la postuloj de la organika perfektiĝo de la homaro. Tio estas ankaŭ necesa por ke la eminentuloj de la nacioj, kiuj devas progresigi la sciencon kaj la kulturon, povu plenumi sian taskon en plej kontentiga maniero. Por siaj universitatoj, siaj sciencaj institutoj, siaj belartaj lernejoj, siaj muzeoj, tiuj eminentuloj bezonas la ŝtatan helpon. Nu, en niaj konstituciaj regnoj, tiu helpo estas tiom pli certa, ke la popolo, kies influo je la Parlamento estas decidiga, plibone komprenas la valoron de tiuj institucioj. Kiel danĝera povas esti la malklereco de la popolo en demandoj pri kulturo, scienco kaj arto, tion montras la ekzemplo de kelkaj landoj, kies popolomasoj, malinteresiĝante je tiuj gravaj demandoj, estas vera malhelpo je la progreso de la civilizado. Eĉ se oni flankelasas tiujn materiajn kondiĉojn, la eminentuloj, por plene agi, ankaŭ bezonas esti stimulataj de la popola entuziasmo; ili estas pli fervoraj, se ili konscias servi la plej altajn aspirojn de la popolo.

Cetere tie ankaŭ la materiaj kaj idealaj motivoj kunmiksiĝas. La literatura produktado, ekzemple, multe dependas de la pli-malpli alta estetika sento kaj klereco de la mezaj klasoj (en la plej larĝa senco de tiu vorto). Ju pli kleraj ili estas, des pli bone povas vivi la literaturistoj per siaj verkoj.

Por ke la „elito" produktu valorajn verkojn, necese estas, ke ĝi estu vera selektado de talentoj. Ĉe la aristokrataroj de la pasinto, tiu elito rekrutiĝis preskaŭ ekskluzive en la altaj klasoj; oni malmulte okupiĝis pri la eblaj kapabluloj de la popolaj klasoj. Sed ju pli intelekta kulturo penetros inter popolamasoj, des pli facila estos al proletario partopreni en tiuj produktemaj elitoj, se li estas kapabla. Ebligi la disvolviĝon de kreemaj inteligentoj, vivigi ĉiujn talentojn kaj precipe geniojn, kiuj povas troviĝi en la popola medio, ilin ĉiujn kunlaborigi por la progreso, jen unu el la plej bonaj rezultatoj de la movado celanta la pliklerigadon de l' popolo.

Ni do konstatas ne sole, ke la klerigado de l' popolamasoj havas utilon en si mem, sed ankaŭ, ke tiu klerigado estas gravega, ĉar ĝi estas kondiĉo de plia agemo de la produktemaj elitoj.

Ni scias, ke en la rondoj malfavoraj al la demokratiaj ideoj, oni ofte asertas, ke la gvidantaj klasoj sufiĉas por progresigi la civilizadon; ke la laboristo celas nur ebligi per sia laboro la ekzistadon de tiuj gvidantaj klasoj. Por apogi tiun opinion, oni citas la ekzemplon de antikva Grekujo, kie, efektive, la intelekta vivo koncentriĝis ĉe aristokrataro servata de pure pasivaj sklavoj. Sed oni forgesas, ke la antikva socia ordo bazata sur la sklaveco ne plu ekzistas; la politika influo de l' popolamasoj estas nuntempe tiel forta, ke se oni lasus ilin dormadi en la malklereco, ili eble detruus la civilizadon de la elitoj, tiom pli, ke individuoj el la popolo, riĉiĝintaj dank'al sia laboro, ĉie penetras en la gvidantajn klasojn kaj enkondukas ĝermojn de barbareco, se ili ne havas sufiĉan kulturon. Nuntempe, ni povas elekti nur inter alte instruita demokratio liveranta al la intelekta elito de la nacioj novajn kaj valorajn individuojn, aŭ dekadencon de la civilizado pro tio, ke la penadoj de la elitoj estus malhelpataj de la malklereco de l' popolaj klasoj.

* * *

Kion fari por agi konforme al la postuloj de l' progreso? Kion fari por liveri al la popolamasoj altan kulturon? Estas evidente, ke la deviga popola lernejo ne sufiĉas. Fiksi la devigan vizitadon de la lernejoj ĝis la dekoka aŭ dudeka jaro ankaŭ ne atingas la celon, kiel ajn dezirinda kaj en kelkaj landoj - realigebla ĝi estas. Pli laŭcela estas la vasta sistemo de la studpremioj aplikata en Nova Zelando; laŭ ĝi ĉiuj kapablaj infanoj, post la popola lernejo, rajtas eniri en la liceon kaj universitaton; tio efikas, ke la liberaj profesioj estas atingeblaj de la plej bonaj elementoj de la popolamaso.

Oni tiel evitas la ekonomian malŝparadon, kiu konsistas en tio, ke oni ne utiligas multajn talentojn ĝuste en la fakoj, kie ili povus plej bone ekzerciĝi.

Sed, kvankam ĝi notinde pligrandigas la intelektan produktadon de la nacio, tiu sistemo ne sufiĉe prikonsideras la intelektajn bezonojn de la laboristaj klasoj, iliajn aspirojn al pli kompleta ĝenerala kulturo. Pro ekonomiaj kaŭzoj oni akceptas por la superaj studoj nur tiun nombron de laboristidoj, kiu estas necesa por alplenigi la mankantajn oficojn de la liberaj profesioj. Se en la laboristaj klasoj estas pli multe da talentuloj ol estas necese por tio, ili ne povas esti allasataj al la supera instruado.

Ĉar la Nov-Zelanda sistemo ne respondas la supre formulitan postulon, nome certigi la organikan perfektiĝon de la popolamasoj plivastigante ilian intelektan horizonton kaj doni al la elito la apogon de la proletariaro, oni devas uzi alian sistemon, la sistemon de la popolaj universitatoj.

Antaŭ ol skizi tiun sistemon kiel ĝi devus esti, ni unue faru kritikan ekzamenon pri la multaj provoj efektivigitaj en la diversaj landoj.

* * *

Oni ja ne sufiĉe konas ĉiujn eksperimentojn faritajn en tiu fako. Oni nescias, ke kombinante certajn tiajn eksperimentojn, oni de nun povus krei plenan sistemon, kiu vere respondus al nia celo. La kaŭzo estas, ke inter la diverslande provitaj sistemoj de popola klerigado, kiuj izole konsiderataj ne plene solvas la problemon, ekzistas nenia kontakto.

Tiuj sistemoj dividiĝas laŭ kvar grupoj:

1. La popolaj universitatoj en Francujo kaj en la latinaj landoj; ili celas nur veki ĉe la popolo la scivolemon je la klerigaj aferoj.

2. La angla „University Extension" kun sia sistema instruado, la popolaj universitatkursoj en Germanujo kaj Aŭstrio, la norvegaj laboristaj akademioj kaj la finnlandaj societoj de popola klerigado; tiuj sistemoj estas pli-malpli analogiaj.

3. La popolaj laboratorioj de Vieno kaj la usonaj popolaj universitatoj, kiuj estas veraj altaj lernejoj por la popolo.

4. La superaj popolaj lernejoj en Danujo, kiuj, por la kamplaborista klaso, estas la plej perfekta tipo.

* * *

En Francujo la popolaj universitatoj naskiĝis el la intima kunligo, kiun la afero Dreyfus kreis inter la proletariaro kaj la burĝaj intelektuloj.

Tiuj lastaj, kompreninte la utilecon partoprenigi la manlaboristojn en la intelekta vivo, fondis en Parizo la unuajn tiajn universitatojn. Ilia iniciato estis akceptita kun vigla intereso, kaj baldaŭ kelkaj popolaj universitatoj kalkulis milojn da vizitantoj, milojn da pagantaj membroj.

Tiuj universitatoj ne celis esti lernejoj. Ili simple intencis konigi al la popolamasoj la belecon de la moderna kulturo, ilin instigi al pripensado, doni al ili pli da intelekta kaj morala matureco.

Oni kredis, ke tiun celon oni atingos per paroladoj farataj de intelektuloj kaj rilatantaj al ilia specialeco. La tiama entuziasmo kaŭzis, ke multaj famaj sciencistoj, verkistoj kaj artistoj volonte kaj senpage sin metis je la dispono de la popolaj universitatoj; certe estas, ke multaj aŭskultantoj estis altiritaj al la paroladoj per la deziro koni tiujn famulojn. Krom tio estis organizitaj kursoj pri la temoj plej facilaj por la popolamaso (Esperanto, angla lingvo, stenografado); tamen, kompare al la publiko de la paroladoj, la nombro de la lernantoj ĉiam estis tre malgranda. Sed plej multnombra estis la ĉeestado je festoj dimanĉe organizitaj je la honoro de la laborista poezio.

La plej grava el tiuj institucioj estas tiu nomata „La kooperado de la ideoj" en Parizo. Monata kotizaĵo da 50 centimoj (20 sd) rajtigas ĉeesti ĉiujn paroladojn, recitadojn, ktp. okazantajn dum la monato. Nenia alia kondiĉo por enskribiĝo: la loko estas malfermata al ĉiuj sen diferenco pro politikaj aŭ religiaj opinioj.

Malfaciliga estis la fakto, ke lacigita de longa labortago aŭ premita de la senlaboreco, la laboristo kun ne tute freŝa spirito alvenas vespere ĉe la popola universitato. Li do

bezonas iom ekscitigan intelektan nutradon. Tial la pedagogia penado renkontiĝas precipe en diversaj *paroladoj*, kiuj vekadas la scivolemon. Sistemaj *kursoj* estus malhelpataj pro la laceco de la aŭskultantoj. Oni tamen povis grupigi je serioj certan vicon de paroladoj; tiamaniere la instruado estas pli bone ordigata. Krom tio, monata revuo, la *kajeroj de la popola universitato*, eldonita de la „Kooperado de la Ideoj", presas la ĉefajn paroladojn.

Ĉio tio kreis inter la aŭskultantoj ian ligilon de kamaradeco, eĉ de solidareco, faris el ili kvazaŭ grandan familion kun pli kultura spirito.

En la parizaj popolaj universitatoj oni povis observi la unuajn kaj interesajn simptomojn de senta kaj socialtendenca komuneco inter klasoj ĝis tiam nete apartigitaj.

*(Daŭrigota.)* *R. Broda*,
Fondinto de la Internacia Instituto por la interŝanĝo de la socialaj spertoj.
Trad.[1] *A. R.*

[1] El „*Les Documents du Progrès*".

 SOCIA VIVO 

## Skizo pri Albanio

Nun, kiam la Balkana milito altiris publikan atenton al Balkanujo, estas konvene ĵeti kelkajn lumajn radiojn al Albanio — lando malmulte konata, pri kiu oni havas plej kontraŭajn opiniojn. En ĉi tiu skizo, devige mallonga, mi penos prezenti sciiĝojn bone kontrolitajn kaj havigitajn de fidindaj germanaj, francaj kaj italaj esplorintoj.

Vorto Albanio estas ne etnografia, sed geografia nomo, simila je nomoj Siberio, Kanado, Aŭstrio. Ĝi estas aplikata al lando kun malprecizaj limoj, kiu kuŝas sur Adria marbordo inter 42-a kaj 40-a paraleloj de norda latitudo. Oriente Albanio ne transiras meridianon de lago Oĥrida. Plejprecize ĝia limo estas difinita norde, nome per rivero Nigra Drimo, kiu fluas el Oĥrida lago norden kaj turniĝinte okcidenten enfalas Adrian maron ĉe Alessio (Ljeŝ).

Por turka registaro, kiu neniam zorgis pri naciaj emoj de siaj regatoj, vorto kaj ideo mem de Albanio ne ekzistis oficiale. Anstataŭe, oni parolis nur pri vilajetoj de Skutari (Skadar, Ŝkodra), de Janina kaj parte de Monastir (Bitol). Vorto Albanio venas de albania urbo Elbasan, kiu okupas precize geometrian centron de Albanio — inter Oĥrida lago kaj Adria maro, inter Nigra Drimo kaj Argirokastro.

Albanio estas monta regiono, kies montosuproj altiĝas ĝis 2000 m. Izolitaj kavaĵoj kaj profundaj riverlitoj karakterizas la regionon. Nur apudmara strio enhavas malaltaĵojn, dunojn kaj lagunojn, kiuj estas dividitaj per rokaj terkapoj kaj terlangoj. Granda nombro da riveroj kaj riveretoj enkuras Adrian maron, sed el ili nur unu estas ŝipirebla. Oĥrida lago ne apartenas al Albanio ĉar sur ĝia okcidenta bordo loĝas slavoj de Makedonio, lando de serbo-bulgaroj.

La loĝantaro de Albanio estas tre miksita kaj prezentas diversecon de lingvoj, religioj, rasoj kaj kutimoj. Krudmaniere oni dividas ĝin je albanoj kaj nealbanoj; tiuj lastaj estas serboj, grekoj kaj cincaroj (makedoniaj rumanoj); turkoj loĝas nur kvazaŭ provizore kiel militistaro, oficistoj, aferistoj.

Albanoj mem sin nomas *ŝkipetari* kaj sian landon *Ŝkiperio*, sed fakte ili ne formas unuecan popolon, ĉar ŝkipetariaj gentoj estas dividitaj ne nur per montoĉenoj, sed plie per malsamaj lingvoj, kutimoj, religioj. Ŝkipetaroj estas nomataj arnaŭtoj — de turkoj, arbanasoj — de serboj, albanoj — de ceteraj eŭropanoj. Kvankam tuta nombro de ŝkipetaroj estas proksimume 1,500,000 (oni neniam denombris loĝantaron de tiu sovaĝa regiono, tial oni nur konjektas la nombron), ili konsistas el multaj gentoj apartenantaj al du grupoj: nordaj gegoj kaj sudaj toskoj. Gegoj estas romkatolikaj kaj muzulmanaj gentoj, toskoj estas grekortodoksaj gentoj. Gega lingvo diferencas de la toska. Gentaj malpacoj estas tiom fortaj inter ŝkipetaroj, ke kiam ekflamis ribelo ie en Albanio — la turka registaro uzis por ĝin estingi ne turkajn soldatojn, sed ŝkipetarojn el alia gento, malamika je la ribela.

La deveno de la ŝkipetaroj ne estas ĝis nun klarigita, kaj iliaj dialektoj ĝis nun ne trovis sian lokon en la tabelo de la indo-eŭropaj lingvoj. Oni konjektas, ke ĝi estas pelasga lingvo miksita kun la serba, greka, rumana. Nordaj gentoj (gegoj) estas tre parencaj je serboj, precipe je serboj de Montenegro. Ŝkipetaroj estas interesa popolo, kiu konserviĝis senŝanĝe en Eŭropo, kvazaŭ peco de prahistoria Ilirio.

La estinteco de Albanio estas kovrita de preskaŭ plena mallumo. Estas konata, ke en fino de la VI^a jarcento (p. K.) serbaj gentoj okupis tutan Albanion kaj duonon de Grekujo. Eĉ nun miloj da geografiaj nomoj en Greklando mem atestas pri tio: urbeto Serbia apud monto Olimpo, Moreja (Pelopones), rivero Bystrica, Livadia, Radoviĉi, Beluha, Dragovica, Klinovo; tiuj nomoj ekzistas en ĉiuj slavaj landoj. Similaj geografiaj nomoj ekzistas en Albanio. Tiu alfluo de slavoj supoziĝas, ke ŝkipetaroj estas pli ol duone slavoj laŭ sia sango; la supozo estas konfirmata de antropologiaj esploroj. Laŭ Deniker kaj aliaj, nordaj ŝkipetaroj apartenas laŭ sia korpa tipo al serba raso. Ne estas mirinde, ke albaniaj serboj perdis sian lingvon, tio estas komuna eco de ĉiuj slavoj — esti facile germanigataj, magjarigataj ktp.

Post turka alveno Balkanujon (1360 ĝis 1390) komenciĝis sanga kvincentjara batalo kontraŭ la kristanaj popoloj: ĉiuj nemahometanoj devis aŭ forkuri aŭ submetiĝi je ekstermado. Nur ŝkipetaroj en siaj neenireblaj montoj konservis plenan aŭtonomion kaj plenan liberecon daŭrigi internan interbatalon. En XV^a jarcento la serbo Stefano Ĉernojeviĉ pli konata sub nomo Skenderberg senfrukte provis unuigi tutan Albanion sub sia regado, li eĉ malsukcesis pacigi Toskojn kaj Gegojn.

Dum la X^a, XI^a, XII^a, XIII^a kaj XIV^a jarcentoj Albanio estis sinsekve posedata de grekoj, bulgaroj kaj precipe de serboj, kiuj havis kiel havenoj urbojn Ljeŝ (Alessio), Draĉ (Durazzo) kaj Avlona (Valona), krom tiuj de Dalmatio. Dum la kvincentjara turka regado Albanio estis laŭnome turka vilajetaro, sed fakte ĝi ĝuis sian sovaĝan sendependecon. Nordaj albanoj (islamanoj) kuniĝis kun turkoj kontraŭ kristanoj. Sudaj albanoj male subiĝis je greka civilizacio. Rusa sciencisto Rovinski pruvas, en sia granda verko pri Montenegro, ke nordaj albanoj senĉese miksiĝis kun serboj de Montenegro, ke multaj montenegraj gentoj estas el Albanio kaj reciproke.

Dum lastaj centjaroj estis multaj provoj apliki ian alfabeton al albanaj dialektoj, oni uzis kaj nun uzas tri alfabetojn: grekan, turkan (araban) kaj latinan. Nun estas verŝajne, ke la latina estos sole uzata.

La enlanda loĝantaro en Albanio estas plene malklera, krom kelkaj miloj, kiuj formas la ŝkipetaran inteligentularon nur pro tio ke ili povas paroli kaj skribi en fremdaj lingvoj. Enlandaj lernejoj estas fonditaj de grekoj, italoj, aŭstrianoj, kiuj disputas pri paca almilito de la lando. Dum lastaj jarcentoj, sed precipe dum lastaj kvindek jaroj, Albanio perdis sian ŝkipetaran karakteron en la suda parto, sub la

influo de la grekoj. Antaŭe la Ŝkipetaroj loĝis en tuta norda Grekujo, sur insulo Korfu, sed nun ili tute grekiĝis. Preveza, Janina kaj fine Argirokastro sinsekve markis la limon de la greka lingvo. Nun la tuta suda duono de Albanio (lando de toskoj) komprenas greke kaj ĉiam pli forgesas sian lingvon. Sed norde samtempe okazis kontraŭo, serboj subpremitaj de turka kvincentjara regado kaj albana premado parte mahometaniĝis, parte forkuris, parte estis ekstermitaj — en regiono inter Nigra Drimo kaj Nigra Monto. Detruo kaj barbariĝo atingis eĉ Malnovan Serbujon, iam florantan belan landon. Tiu cirkonstanco kaŭzis tion, ke oni erare komencis apartenigi al Albanio landojn kun tute alia historio, popolo kaj karaktero, ekz. urbojn Djakovo kaj Prizren, kiuj kuŝas en Malnova Serbujo, urbojn Monastir kaj Kastoria, kiuj kuŝas en Makedonio. Sed tre prave grekoj aspiras al Janina — urbo geografie albania — kiu jam dum jarcentoj estas en limoj de greklingva teritorio. Nun oni starigis aŭtonomion de Albanio. Tio estas plej justa solvo, nur je du kondiĉoj: unue ke estu aŭtonoma vera Albanio, t. e. lando inter Nigra Drimo kaj Argirokastro, due ke Albanio estu vere aŭtonoma, sendependa de kelkaj tro protektemaj regnoj.

*P. Stojan* (Peterburgo).

---

## La vera aspekto de la milito

Kiom mensoga estas la ofte aŭdata frazo pri la „gaja milito" montras per artikolo en „*Berliner Illustrierte Zeitung*" la fame konata ĥirurgo D-ro von Oettingen, partopreninta en la Rusjapana kaj Balkana militoj je la servo de l'Serba ruĝa kruco:

Post aktfino de la terurega milita dramo sur la Ilira duoninsulo falis la kurteno.

Ĉiutempe ekzistis laŭdegantoj de la milito, sed ĝia kruela esenco, la teruro kaj abomeno faras daŭran impreson nur sur tiun, kiu devis ekkoni kaj observadi la suferegojn de la batalado. Nek la kulturprogreso de la nacioj, nek la pliperfektigita tekniko de l'armiloj ŝanĝis iel ajn la kruelecon de la milito. Kontraŭe! Dum en pli fruaj jarcentoj „la sovaĝa besto en la homo" havis la kontentiĝon, batali kun la malamiko okulo kontraŭ okulo, mortigi lin — ĉu per batilo ĉu per la dentoj — tio hodiaŭ jam nur malofte okazas. La soldato estas ofte nur „kanonkaĉo". Ekzemple dum la Mandjura milito Rusaj regimentoj en la daŭro de semajnoj estis fervoje veturigataj tra Azio, kaj, alveninte sur la batalejo, la bravaj homoj falis, eĉ ne vidinte Japanon en sia vivo. Do la „gaja milito" de pli fruaj epokoj hodiaŭ ne plu ekzistas.

Kaj fine la tiel nomata „humana pafaĵo", la hardmantela kuglo: el granda distanco ĝi fakte kaŭzas pli malgravajn vundojn ol pli frue, tamen, kiam oni traserĉas la buĉadejon, jen kuŝas la de proksime trafitoj kun krevigitaj kranioj kaj eksplodintaj vejnoj. Krom tio la tre progresinta moderna artilerio, kaŭzas per siaj plumbaj ŝrapnelkugloj la egale terurajn, poste al gravaj, danĝeraj infektoj kondukantajn vundojn, kiel la plumbokuglo de niaj antaŭuloj.

Speciale kruela estas la fortikaĵa milito, kiam kuratako estas ordonita. La militinĝenieroj kondukis la defendon eĉ de nefortikigita urbo al tia grado de perfekteco, ke loko provizebla (ekz. Skutari, kuŝanta ĉe lago) povas esti konsiderata preskaŭ nevenkebla. La atakanto funkciigas la grandajn sieĝkanonojn, sed ili ĝenerale ne faras multe da malbono. Per grandaj tranĉeoj li penas alproksimiĝi al la fortikaĵo, ĝin ĉirkaŭpreni kaj detranĉi la akvalfluon. Sed la defendanto por bari la vojon uzas la malbonfaman pikildraton, kiu en ĉiu formo, ĉu kiel enfalejo, ĉu kiel faligdrato, efikas. La lasta estas streĉata en la herbo 15 ĝis 20 centimetrojn super la terfundo, kaj alkurantaj pafistaroj teren ĵetiĝas, kvazaŭ frapitaj de fulmo. Krom tio la metalfadenoj estas apenaŭ troveblaj. Sed la plej grava barilo estas la retaroj el pikildrato plektitaj, el kiuj eĉ sana viro apenaŭ sukcesas sin liberigi. Por forigi tiajn malhelpaĵojn en Mandjurio atakkolonoj estis tute destinataj. Provizitaj per grandaj fertondiloj — sen armiloj — ili devis — dediĉitaj al morto — antaŭenkuri, ĉion tratranĉi kaj forigi, por ke oni povu antaŭeniri trans iliajn kadavrojn.

Estas ja vero, ke ofte la morto sur la batalejo venas tiel subite, ke ĝi ne alportas turmentojn. Sed tiuj ĉi komenciĝas tie, kie nur vundiĝo aŭ kripliĝo okazas. Ĉi tie havas lokon la plej alta tasko de la milit-sanitara fako, la transporto, kiu ne nur devas liberigi la militestron de la nun ne plu taŭgaj batalantoj, sed antaŭ ĉio transporti ilin tien, kie ili trovos flegadon, kvietigon kaj resanigon. Ĉu en la nuna milito la transportorganizo povas kontentigi ĉiujn postulojn? Tio dependas de diversaj cirkonstancoj, de l'ekzistantaj rimedoj kaj aranĝoj, la nombro de l'vunditoj, la graveco de la vundoj kaj antaŭ ĉio de la vojoj kaj stratoj, sur kiuj devas pasi la transporto. Sur la bandaĝ-loko, ofte meze de la batalanta armeo, oni surmetas la unuajn bandaĝojn provizorajn. Sed tuj estas necese, plej urĝe forigi la vunditojn — kaj ofte por ili komenciĝas nun turmentego senegala. Kiel en Mandĵurio tiel ankaŭ sur la Balkanoj la kompatindaj viktimoj devis plurajn tagojn esti veturigataj paŝo post paŝo per senrisortaj bovoĉaroj sur kampoj kaj malbonaj vojoj. Pro la nebonaj bandaĝoj ĉiu ŝtoneto sur la vojo kaŭzas cerbon-trafosantan doloron, ofte ĝis bonfara sveno okazas. En la Balkanoj la lacego de multe da militistoj estis tia, ke ili post oktaga transportado metitaj en liton tuj profunde ekdormis, ke eĉ la bandaĝado de doloriga vundo ne vekis ilin. Nur post 24 ĝis 36 horoj ili malfermis la okulojn! Kaj se ekzistus ĉiam bonaj litoj aŭ eĉ nur tegmentitaj ejoj! En la Mukdena popolbatalo la alfluo de eĉ grave vunditoj estis tiom granda, ke ili sur la senrisortaj ĉaroj kun trapafitaj kapoj en longaj vicoj devis atendi, ĝis oni povis helpi al ili. En akra malvarmo poste la plej multe suferantaj estis elserĉataj, kaj per bandaĝado aŭ operacio oni provis havigi al ili kvietigon. En tiaj grandaj okazaĵoj devas ja manki helpantaj manoj. Okaze de tiaj perdoj, kiajn alportas granda milito — oni ĉiam rememoru tion — sanitara organizo ne povas sufiĉi, alie tio estus troŝarĝo de la batalanta armeo, kiu senteble paralizus ĝian puŝadforton.

Rezignacie Bronsart von Schellendorf iam diris: „Al ĉiu vundito alporti plej rapidan helpon kaj zorgan flegadon estas deziro, kies efektiviĝo faras postulojn, kiuj tute ne povas esti plenumataj... La organizo estas bazita sur kompromiso inter la dezirindo kaj atingeblo!" Eĉ Moltke diris: „La humaneco devas esti flanken metata en la batalado, kaj la plej energia militado estas samtempe la plej humana!"

Certe ni ne povas kaj devas nei, ke la milito *povas* hodiaŭ ankoraŭ fariĝi nedetenebla malbono. Pri la fama frazo de Jean Paul en lia pacprediko 1808: „La milito estas la fortiga ferkuracado de l'homaro" oni juĝu laŭ scio kaj konscienco; ambaŭ eble rezonos, ke hodiaŭ por la popoloj ekzistas ankoraŭ kaŭzoj, ekpreni la armilojn kaj sekvi la militestron! Sed al la senpripensaj ŝovinistoj — estas kutime el tiuj, kiuj ne mem venos sub la kugloj — la mizerego de l'batalantoj estu metata antaŭ la okuloj.

D-ro *von Oetingen*.
Trad.: *Joseph Sommer* (Del. Lippstadt).

---

## Pri lerneja ŝparo

I

Ĉar Svisujo konsistas el 22 kantonoj, kies leĝaro kaj institucioj estas malsamaj, la ĉi subaj linioj priskribas nur la staton de l' lerneja ŝparo en kantono Neuchâtel. Cetere tiu stato estas antaŭ tute nelonge renovigita laŭ sistemo simpla, originala kaj praktika, kiu meritas ĉies intereson kaj atentan studon, kaj kies imito en aliaj regionoj estas tre konsilinda.

En Svisujo multaj bonfaraj kaj utilaj institucioj devenas ne de ŝtataj, kantonaj aŭ komunumaj decidoj, sed estas iniciatitaj kaj súbtenataj de privataj personoj aŭ asocioj. Ankaŭ lerneja ŝparado havas tian devenon; ĝi estas fako en la agado de Neuchâtel'a Ŝparkaso.

Tiu entrepreno estis fondita antaŭ jarcento, en 1812, de kelkaj sindonemaj privatuloj, kiuj celis kolekti, zorgi kaj procentigi la malgravajn ŝparojn, kaj instigi la popolon al tiu antaŭzorgemo. La unuaj direktoroj kaj kasistoj dediĉis sian tempon kaj forton por prosperigi tiun por ili senprofitan agadon, ĉar ili eĉ ne akceptis pagon por siaj laboroj, sed kontraŭe proponis malavare sian propran havajon kiel garantion kontraŭ eblaj perdoj. Precipe citinda estas la nomo de la fondinto kaj unua direktinto S-ro Paul Louis Auguste de Coulon, kiu dum 44 jaroj estis la vera animo kaj ĉefa laboranto de l' institucio.

Iom post iom tiu ŝparkaso disvolviĝis kaj fariĝis grava firmo kun ŝparuloj po miloj kaj spezoj po milionoj da frankoj. Sed la spirito kaj la celo restis la samaj: kreskigi kaj intensigi la popolan ŝparadon por la ĝenerala profito. Ankoraŭ nun tiu ŝparkaso ne havas akciulojn al kiuj ĝi pagas procentojn, nek konsilantojn alte salajritajn. La tuta profito, kiun ne ricevas la ŝparantoj, estas elspezita por publikaj utilaj entreprenoj. La ŝparkaso tre ofte pruntedonis grandajn sumojn, je tre malalta procento, al la komunumoj aŭ al la ŝtato, kiam tiuj bezonis monon por novaj progresoj. Ekzemple ĝi iam pruntedonis:

400.000 fr. je 2 % por konstrui novan modernan pundomon,
600.000 „ „ 1 % „ „ akademion (poste universitato),
200.000 „ „ 1 % „ malsanulejo,
300.000 „ „ 1½ % „ higienejo por ftizuloj,

kaj multajn aliajn sumojn por konstruo de lernejdomoj, enkonduko aŭ progresigo de novaj industrioj k. t. p.

Tamen tiu ŝparkaso restis privata afero; ĝin aprobas kaj kontrolas la ŝtato; ĝi helpas la ŝtaton, ŝed ĝi ne estas oficiala institucio. La jenaj ciferoj montros ĝian nunan gravecon. En 1911 estis 74.123 ŝparantoj, t. e. 55 % de l'loĝantaro (kantono Neuchâtel havas 135.000 loĝantojn); ilia tuta ŝparajo estis 66.048.800 frankoj; por la jaro 1911 estis deponitaj 10.102.204 frankoj, kaj la procentoj akiritaj estis 2.533.818 frankoj. La meza popersona ŝparo estas, kalkulate laŭ la ŝparantoj, 891 frankoj, kaj laŭ la tuta loĝantaro, 495 frankoj. La rento de l' deponitaj sumoj restis preskaŭ ĉiam 4 % kaj 3½ % dum kelkaj jaroj.

Tiuj nombroj rilatas nur al vera popola ŝparo, ĉar neniu povis deponi pli ol 4000 frankojn (nun 5000); sed ili ne montras la tutan popolan ŝparemon, ĉar aliaj bankoj ankaŭ ricevas ŝparojn je samaj kondiĉoj.

Neuchâtel'a Ŝparkaso ankaŭ okupiĝis pri lerneja ŝparado depost 1883, sed nur en kelkaj urboj aŭ vilaĝoj. Tie la geinstruistoj ricevis la monon de siaj lernantoj komence de ĉiu semajno aŭ monato, skribis la enspezojn en specialan kontlibron enhavantan folion por ĉiu ŝparanto. Kopion de tiu folio ricevis la infano por kontrolo; je la fino de l' jaro la sumoj estis notitaj de la oficistoj de ŝparkaso en la ŝparlibretojn de l' infanoj. Sed tiu sistemo ne estis tre praktika kaj ne ĉie uzata. Multajn monerojn la infanoj elspezis senutile, kaj ili ne kutumis je ŝparado. Alia solvo estas dezirinda. Neuchâtel'a Ŝparkaso okaze de sia jarcenta jubileo en 1912 faris veran oferon por nova aranĝo de l' lerneja ŝparado.

*(Daŭrigota.)* *G. Stroele* (Neuchâtel).

---

## Vagonarŝipo aŭ tunelo?

La 8 aŭgusto S-ro Asquith faris antaŭ la brita parlamento tre favorajn deklarojn pri la projektita konstruo de submara tunelo inter Francujo kaj Britujo. Antaŭ kelkaj semajnoj la Kongreso pri la franca-brita turismo entuziasme aprobis tiun projekton kaj decidis propagandi precipe inter la britaj politikaj medioj, ĝis nun ĝenerale kontraŭstarantaj, por atingi tiun celon. Tamen tiu tunelo estas nur unu el la tri solvoj proponitaj por ebligi la transveturigon sen vagonŝanĝo inter Calais kaj Dover: tunelo, vagonarŝipo aŭ ponto.

Oni kalkulis, ke kreo de vagonarŝipo kostus ĉirkaŭe 50 milionojn da frankoj, konstruo de tunelo 200 milionojn, kaj starigo de ponto pli ol 550 milionoj. Inter la tri solvoj, tiu de l'vagonarŝipo do estus la malplej kara, kaj pro tio ĝi havas varmajn aprobantojn.

La plej atentindaj ekzemploj de vagonarŝipoj nun en Eŭropo estas tiuj konstruitaj de l' danaj fervojaj kompanioj. La geografiaj kondiĉoj de tiu lando igas tiun sistemon nepre necesa por ebligi la seninterrompon de l' veturadoj, kaj ĝi funkcias sur distancoj da 2 ĝis 40 kilometroj. Unu el tiuj ŝipoj, tiu de Sallingsund, estis kreata en 1872 kaj tiu de Storabelt inter Korsoer kaj Nyborg laŭ 25 kilometroj en 1883. Ambaŭ donis kaj ankoraŭ donas plej kontentigajn rezultatojn. Ekzistas alia vagonarŝipo inter Kopenhag kaj Malmoe sur distanco da 30 kilometroj. La plej rimarkinda el ĉiuj traveturas la Baltan Maron inter Gjedser kaj Warnemunde kaj transportas tutajn vagonarojn sur distanco da pli ol 40 kilometroj, dum maro ofte estas tre ondmova.

La kondiĉoj, en kiuj estis kreata tiu balta vagonarŝipo inter Gjedsen kaj Warnemunde, estus tre proksimume la samaj, kiujn renkontus la inĝeniero por la ŝipo Calais-Dover; sur tiu ekzemplo la partianoj de tiu solvo fundamentigas siajn plej trafajn argumentojn.

La baltika vagonarŝipo funkcias depost 10 jaroj, ĉiutage transveturante laŭ ambaŭ direktoj la rapidvagonaron Kopenhag-Berlin. La translokigo de l' vagonaro el la fervojo sur la ŝipon okazas en Warnemunde sur ŝtala ponto 30 metrojn longa, leviĝanta je 5 metroj, kaj movata per elektro; la surŝipigo de l' vagonaro estas farata tra la postkilo kaj la elŝipigo tra la antaŭkilo. La marveturado, per la nunaj vagonarŝipoj, daŭras du horojn por 41 kilometroj; sed la distanco Calais-Dover, per pli modernaj ŝipoj, povus certe esti veturata dum malpli ol unu horo.

La necesa tempo por la translokigo el la fervojo sur la ŝipon en Warnemunde varias inter 12 kaj 18 minutoj, sed tiu manovro povas esti multe pli rapida, kaj oni kalkulas, ke pli bona organizo ebligus ĝin fari en maksimume 6 minutoj.

Tiu ekzemplo de l' danaj fervojoj ŝajnas pli ol konvinka al la partianoj de l' vagonarŝipo Calais-Dover; sed se ili bezonus aliajn ekzemplojn, ili facile trovus ilin en Ameriko, kie pli ol 100 vagonarŝipoj nun funkcias, kelkaj sur grandaj distancoj: 115 kilometrojn sur la lago Erié, 385 kilometrojn sur la lago Michigan inter Chicago kaj Peshtigo.

La amerikaj vagonarŝipoj traveturas ne nur lagojn, sed eĉ marpartojn. Jam en 1878 oni estis kreinta iun sur la golfeto de New-York, kaj en aparte malfacilaj kondiĉoj, ĉar pro la tajdoj oni devis antaŭkalkuli, kiel en Calais aŭ en Dover, niveldiferencon da pli ol 3 metroj.

Tiuj amerikaj ŝipoj, kompreneble, estas provizitaj per plej moderna komforto, kaj prezentas ĉiujn oportunajojn de ŝipego al la vojaĝanto, kiu deziras elvagoniĝi dum la

lag- aŭ marveturado. Konsidero de ciferoj konstatigas, ke la kreo de tiuj ŝipoj ne nur pligrandigis la gravecon de l'transportoj, sed, kompare kun la antaŭa sistemo, atentinde malpligrandigis la kostojn.

La sistemo de l'vagonarŝipoj estas do spertita. Por Calais-Dover ĝi estas unu el la plej allogaj proponoj, ĉar ĝi kaŭzas neniujn strategiajn kontraŭdirojn, kiuj, kion ajn oni pretendas, ankoraŭ dum longa tempo igos neakceptinda de l'plejmulto en Britlando la ideon pri tunelo. Fine, se oni jam nun eklaborus por krei tiun vagonarŝipon, ni povus ĝin uzi por veturi al la XIa Kongreso en Skotlando, dum konstruo de tunelo daŭrus inter 8 kaj 10 jaroj . . .

*L. Poncet* (Del. Lyon).

## La mezurado de l'tempo

Komparate kun la metra sistemo, la nune uzata tempmezuro ŝajnas sufiĉe stranga. Mirinde estas, ke depost multaj jaroj, oni ne forlasis mezuradon tiel malmulte regulan, tiel neoportunan kaj malsimplan; kial ĉi tiu ne estas konformigita laŭ la dekuma sistemo, uzata por ĉiuj aliaj mezuroj?

La sekvanta jarcento ne alprenos ĝin, ĉar kiel tiuj de la Ĥinoj kaj Mohametanoj, ĝi absolute malakordiĝas kun la sciencaj konoj, pri kiuj ni fieras. Ŝatindaj do estas la klopodoj de kelkaj el niaj samtempuloj, kiuj, konante la pozitivan tempkalkulon, ne nur kritikas la nunan uzadon — tio estas vere tro facila — sed al la efektivigotaj progresoj, helpas per projektoj bazitaj sur la dekuma sistemo; nur tiuj projektoj estas ekzamenindaj, ĉar ili estas pli logikaj kaj plifaciligas la astronomiajn kalkulojn.

Iun el tiuj projektoj, kies efektivigo estus kaŭzinta verajn plibonaĵojn, publikigis antaŭ dudek jaroj „l'Illustration". Antaŭ nelonge, S-ro Friedrich Stackelberg siavice proponis mezursistemon konforman al la esprimitaj deziroj kaj kontentige anstataŭontan la alian.

La historiisto Michelet, citita de la supredirita ŝanĝemulo, diras: „La almanako, pasanta en ĉies manoj, estas alte grava kaj longdaŭra instruilo." Por ke tiu eldonaĵo faru la servojn atendeblajn el ĝia graveco, necese estas unue logikigi la kalendaron kaj ĝin bazi sur la sciencaj konoj. Ne konsiderante la eblajn proponojn rilate al la unua dato de nova jarkomputo, ni citu la daton videble preferatan de la proponanto: la „1 Vendémiaire an 1" (20 septembro 1792) kiun la scienculo Buchner nomas la „luma punkto en la historio" kaj kiu per la proklamo de la Respubliko en Francujo, sankcias la finon de la reĝa potenco.

Laŭ la projekto Stackelberg, la tago havus 20 horojn dividatajn je 100 minutoj, valorantaj po 100 sekundoj. Tio rememorigas pri la sistemo antikve uzita de la Romanoj, kaj en la bibliaj rakontoj pluraj frazoj pruvas, ke la tago ne estis dividita laŭ du partoj montrataj de la samaj ciferoj. La 24-hora ciferplato estas komuna en Francujo kaj aliaj landoj; tiu reformo, kvankam nur parta, estas tre ŝatata de la personoj trairantaj longajn distancojn kaj devigataj vojaĝi per diverskompaniaj fervojoj. La sperto al ili montris, kiom facila estas eraro en la konsultado de grandaj horafiŝoj, pro la ebla konfuzo de tagaj kun noktaj horoj.

Sur la proponata ciferplato troviĝus:

0 horo = 6 matene (nune).

0 horo 50 minutoj = 6 hor. 36 min. matene (nune).

La nuna tagmezo fariĝus la kvina horo; la nova sesa horo = 1 horo 12 min. vespere (nune) kaj la 20-a horo koincidus kun la 6-a matene.

Citinda plibonaĵo de tiu sistemo estas, ke ĉar la terglobon oni dividus je 400 gradoj, ĉiu horo koincidus kun 20-grada daŭbo. La tuta globo fariĝus grandega dudekhora horplato kies montrilo — la suno — indikus samtempe la horojn kaj longitudojn.

Geografoj dividis la globon je 360 meridianoj, nerealaj linioj trapasantaj ambaŭ polusojn kaj perpendiklaj al la ekvatoro; same 360 cirkloj, paralelaj al la ekvatoro kaj image starigitaj de tie ĝis la polusoj, estas la latitudoj. Ĉiu el la 360-onoj de tiuj cirkloj estas nomata grado. En la nuna stato, la kvarono de la tera meridiano — proksimume 10,000,000 metrojn longa — dividiĝas je 90 latitudoj havantaj meznombre po 111 kilometroj (ekzakte 111,707 km ĉe la polusoj kaj 110,563 km ĉe la ekvatoro).

Kun la dudekhora tagnokto, la teraj ĉefcirkloj estus tranĉataj de 400 meridianoj, kaj kvaronon de la meridiano partigus 100 latitudoj po proksimume 100 kilometroj. Plie la sistemo de la „horaj daŭboj" uzata en multaj landoj, adaptiĝus eĉ pli bone al la kvarcentona divido, pro tio, ke meridiano valorus 5 minutojn, 10 meridianoj — 50 minutojn, kaj 20 meridianoj — tutan horon.

Kun la nunaj dudekkvar *oficialaj* horoj, urboj kuŝantaj je egalaj distancoj inter du daŭboj povas trofrui aŭ malfrui ĝis tridek minutoj je la normala loka horo; anstataŭ tio, la dudekhora tagnokto kaj kvarcent meridianoj ebligus dividon je kvardek horaj daŭboj po kvindek *dekumaj* minutoj (duono de la nova horo). Tiel, la loka horo varius maksimume kvaronhoron, t. e. 25 dekumoj (18 niaj minutoj).

* * *

La jaro astronomie komenciĝus kun unu el la kvar sezonoj, ĉu je la somera aŭ vintra solstico, ĉu je la aŭtuna aŭ printempa ekvinokso. Ne malpli ekzakte estas, ĝin datumi de la 20 marto aŭ 21 septembro ol de la 21 decembro aŭ 21 junio. La printempa ekvinokso estas do plej elektinda novjartago — kiel rimarkigas Stackelberg — pro ĝia koincido kun la renoviĝo de la naturo en preskaŭ ĉiuj terpartoj.

La aplikado de la dekuma sistemo al la tagdivido sekvigas por la jaro la saman reformon; ni do havus kalendaron kun tridektaga monato kaj kvin aŭ ses pliaj tagoj je la fino de l'jaro. Tiu propono estis jam alprenata dum la lasta parto de la 18-a jarcento por respublikana (revolucia) kalendaro; sed anstataŭ la dektaga tiama semajno, la nova projekto proponas la kvintagan. Tiu lasta semajno estas uzita de famaj popoloj jam en tre malproksima antikveco; oportune estas, ke ĝi dividas la tridektagan monaton kaj la 365-tagan jaron ne lasante restaĵon.

Tia estas, resume, la nova nun proponata tempmezuro. Ĝi estas facile efektivigebla kaj ne estos serioze kontraŭbatalata, se la personoj kapablaj ĝin triumfigi ĉie montras la motivojn por ĝia akcepto. Tion pruvis la alpreno de la centr-eŭropa horo en Svisujo; la kontraŭprovoj en kelkaj partoj de la lando tuj malsukcesis, kiam la iniciatintoj, anstataŭ trudi la reformon kun helpo de la registaro, ekkonigis al ĉiuj la gravajn motivojn por anstataŭigi la ĉefurban horon per tiu de la germana meridiano (hordaŭbo). Same okazus hodiaŭ: komprenante la kialon de la reformo, ĉiu ĝin akceptus, eĉ se tio ŝanĝus liajn kutimojn.

La malamikeco kontraŭ la nova tempmezurado ne estos ŝatinda; kaj nia kalendaro, aŭ pli ĝuste tiu de la Romanoj, de ili reformita 46 jarojn antaŭ J.K., de unu papo reviziita kaj depost la 15 oktobro 1582 uzata de ĉiuj eŭropaj popoloj (ekster Rusoj kaj orientaj katolikoj), tiu kalendaro malaperos en la bibliotekojn, kiel tiu de la Egiptoj kaj Makedonoj.

*Philip Jamin.*

Trad. *E. B.*

## Sunaj kaj akvaj banoj en Berno

Impresoj de Pariza kongresano

Kiam turistoj haltas en Berno, ili ĝenerale restas nur kelkajn horojn. Post rapida vizito al la Federala Palaco, al la malnovaj stratoj kun monumentaj fontanoj kaj horloĝturoj, ili, krom tio vidinte la Ursojn, opinias, ke ili sufiĉe konas tiun urbon, kiu ne estas tiel mondfama kiel la kosmopolitaj Luzern, Interlaken aŭ Montreux, laŭdataj de sennombraj gvidlibroj. Granda estas la eraro de tiuj tro rapidemaj vizitantoj. Kiom multe da interesajoj estas videblaj kaj eĉ lerneblaj en tiu malnova urbo ne sole por la artamanto, sed ankaŭ por la vivobservanto serĉanta ĉie, kie li troviĝas, tion, kio helpas al la plibonigo kaj plibeligo de la homa vivo.

Mi ŝatas Bernon, ĝiajn malnovajn stratojn kun la freŝaj arkajoj, ĝiajn originalajn monumentojn, ĝiajn artajojn, kaj ankaŭ — kvankam oni malpli ofte parolas pri ili — ĝiajn loĝantojn. Simplajn morojn ili havas. Iliaj infanoj estas multnombraj, belaj kaj fortaj. Ĉi tie oni povas paroli pri „plimultigo de la loĝantoj", ne antaŭvidante la palajn vizaĝojn de niaj grandurbaj aŭ eĉ kamparanaj infanoj, sur kiuj tiel pezas la heredaj signoj de la alkoholo. En Berno multaj estas la senalkoholaj restoracioj, kie oni tute malkare povas manĝi en bele ornamitaj lokoj, kun floroj sur la tablo kaj artaj pentrajoj sur la muro.

Sed plej speciale min interesis la bonega organizado de la riverbanoj kaj sunbanoj — urbaj senpagaj servoj — kiuj sendube plibonigas la sanon ĉe la infanoj kaj ĉe la plenkreskuloj. Sub la fenestroj de la Federala Palaco rapide fluas la rivero Aar; unun el ĝiaj brakoj oni aranĝis tiel ke naĝantoj kaj nenaĝantoj povu sendanĝere sin bani sub la kontrolado de naĝprofesoroj kaj gardistoj. La lernado de naĝado estas deviga ĉe la Bernaj lernejoj.

La infanoj povas ludi sur granda herbejo, kie ili estas tute liberaj kaj plezure venas dum libertempo. Lertaj naĝantoj piediras laŭ la riverbordo unu kilometron, eĉ pli, kaj sin jetas en la riveron, kies rapida fluo ilin rekondukas al la forirloko. Apud la riverbanoj estas du grandaj herbejoj, kie promenas homoj vestitaj nur per banpantaloneto. Ili estas adeptoj de la Kneipa aŭ alia natura kuracmetodo. Ili piediras en la roso, legas, kuras, dormas, manĝas tute libere: tie ĉi estas la sunbanoj aŭ, pli ĝuste, la aerbanoj — ne kiel en la luksaj germanaj kuraclokoj, en kiuj specialistoj kuracistoj vendas tiel kare tion, kio kostas tiel malmulte, nome aero kaj suno. Tie ĉi nenia lukso: vi malfermas pordon kaj sur herbejo ĉirkaŭata per palisaro, kelkaj vestpendigiloj. Unu banpantaloneto estas ĉio necesa. Laŭvole vi piediras, kuras, uzas gimnastikaparatojn, manĝas, legas, dormas, eliras, sen ia formalajo. La banejo estas ĉiam malfermata por ĉiuj. Malsanuloj sin flegas, sanuloj sin konservas bonsane. Ĉi tie ne estas atletoj, sed higienuloj, kiuj opinias, ke ni vivas tro mallarĝe en niaj domoj kaj en niaj vestajoj. Nenia aplaŭdanta publiko por la plej fortaj; unu sola celo: la sano. Per kelkaj spesdekoj oni povas havi simplan naturan tagmanĝon.

Tiu banejo estis fondita kelkajn jarojn antaŭe de partianoj de naturmetodoj. Kompreneble oni unue nomis ilin frenezuloj, sed post la sukcesoj de iliaj metodoj, la urbo pligrandigis ilian lokon kaj pagas por la gardistoj kaj aliaj elspezoj, sed tiuj elspezoj estas multe malpli karaj ol tiuj, kiuj rezultus el la konstruado de pluaj malsanulejoj.

Apud tiuj banoj por viroj estas aliaj similaj por virinoj. Ili estas tiel multe vizitataj de la knabinoj kiel la viraj de la knaboj. Gloro al la lerta urbestraro, kiu tiel bone sin okupas pri la sano de la loĝantaro, ne atendante ĝis ili malsanas por ilin kuraci.

En Berno la infanoj estas multaj kaj sanaj. Tio estas la agrabla vidajo, kiun mi realportis al Parizo, la lumurbo! Bedaŭrinde, la proksiman jaron mi ne povos montri ion similan al la kongresanoj. En mia lando oni preferas atendi ĝis la infanoj aŭ la homoj estas malsanaj; poste, oni penas ilin kuraci. . . .

*E. Souchay*, Paris.[1]

## ❀ NOTOJ ❀

.·. **Por la balotrajto de la virinoj.** — Tiu demando lastatempe faris gravan progreson. En Islando la du ĉambroj de la Parlamento decidis konsenti al la regnaninoj la samajn rajtojn kiel al iliaj edzoj: ili do rajtos voĉdoni kaj elektiĝi.

La Parlamento de la Usona Ŝtato Kentucky konsentis al la virinoj la voĉdonrajton por la lernejaj komisionoj, la Ŝtato Michigan la saman rajton por ĉiuj bolotoj, politikaj aŭ aliaj. Unuanime la Senato de Arizona akceptis similan leĝon, dum la Registaro de Svedujo proponis al la Deputataro leĝprojekton, kiu donus al la virinoj la samajn rajtojn ĝis nun rezervitajn al la viroj. — *M. G.*

.·. **Muziko en Germanujo.** — En la germana gazeto *Die Musik* estas publikigitaj interesaj ciferoj pri la muzika vivo en Germanujo. Dum la vintro 1911—12 okazis en Berlino 1800 koncertoj, el kiuj ĉirkaŭ 1000 estis luditaj sen profitespero. Ni tie ankaŭ trovas statistikon pri la ludado de la verkoj de la diversaj komponistoj. Dum la montrita tempo plej multe estis ludata Brahms, nome 1195 fojojn, sed inter ili 592 estis kantoj aŭ malgrandajoj; do, la unuan lokon, oni devas doni al Beethoven, kiu estis ludita 1120 fojojn, el kiuj 561 por orkestro aŭ koncertoj kun orkestro. Poste, laŭ la nombro de la luditajoj, venas Schumann (914), Schubert (794) Mozart (547), Liszt (529), Bach (521), R. Wagner (480), H. Wolff (405), Reger (326), Strauss (322). Interese estus havi similan statistikon pri aliaj landoj. — *D. Vigodskij.*

.·. **Perioda gazetaro en Rusujo.** — Laŭ plej freŝdata statistiko aperas en la imperio de l'caro (azia kaj eŭropa Ruslando) sume 2167 gazetoj kaj ĵurnaloj. La etato de l'gazetaro en Rusujo prezentas tre kolorplenan bildon, precipe laŭ lingva flanko. Plej multe da gazetoj eldoniĝas en Peterburgo: 531 (24,5 %). Same en la metropolo de rusa Polujo, Varsovio, aperas multnombraj gazetoj: 204. El ceteraj urboj Kiew havas 69 gazetojn, Riga 59, Odessa 58, Tiflis 44, Vilno 41, Tomsk 14 k. t. p. Entute ekzistas 39 urboj kun 4 9 gazetoj, 33 kun 3, 36 kun 2, 79 po 1 gazeto. Entute gazetoj aperas en 246 urboj. Koncerne lingvojn plejmulte da gazetoj eldoniĝas en rusa lingvo: 1585 (73,1 %). En dua loko troviĝas pola gazetaro: 234 (10,8 %). Poste sekvas lotisaj 47, estonaj 43, judaj (en hebrea lingvo kaj ĵargonoj) 31 (31,9 %), armenaj 21, litovaj, 20 gruzinaj 13, ukrajnaj 12, tartaraj 11, blankrusaj 3. Ĉirkaŭ 50 gazetoj aperas du- ĝis trilingve. Po unu gazeto eldoniĝas en sekvantaj lingvoj: angla, ĉeĥa, novgreka, rumana (en Ruslando ĝi estas nomata lingvoj moldavana), finna, ĥina, koreana, mongola, osjetina, sarta, turkestana kaj turka. — *O. V. B.*

.·. **La fremdaj studentoj en Germanujo.** — La prusa ministro de l'Publika Instruado kaj de la Eklezlaj Aferoj ordonis, ke la nombro de l'fremdaj studentoj vizitantaj la prusajn universitatojn ne superu maksimuman ciferon, kiu estos difinita per baldaŭa cirkulero. Tiu decido celas forigi el la superaj lernejoj germanaj la rusajn studentojn, kies granda nombro kaŭzis diversfoje viglajn protestojn de l'germanaj junuloj. — *L. P.* (L.)

[1] Mi estus dankema al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolus sendi al mi informojn pri sunbanoj en sia lando. (E. Souchay, 134, Boulevard Exelmans, Paris XVIe).

 LITERATURO 

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Historio de la Esperanta movado en Saratov** (1887—1912), trad. el rusa lingvo *D-ro Kabanov*. Librejo Esperanto, Lubjanskij projezd, 3, Moskvo. Prezo: Sm. 0.30.

Malmultaj estas tiaj monografioj pri la Esperanta movado en unu urbo; tamen vere utilaj ili povas esti, ĉar, pli precize ol la ĝeneralaj historioj, ili ebligas difini la malfacilaĵojn, kiujn ni renkontas sur nia vojo en nia ĉiutaga propagando. Plie, ili pli intime montras (ĉar pli proksimaj al la individuoj) la pensodirekton de fremdaj samideanoj, iliajn ideojn pri la Esperanta movado en aliaj landoj.

Laŭ tiuj vidpunktoj, vere instruoriĉa estas la Historio de niaj Saratovaj samideanoj. Ĝi instruas, kiel nia movado daŭrigas sian vojiradon, kvankam mortas pioniroj, laciĝas kunbatalantoj; ĝi pruvas ke, post kiam iu penado estis sensukcesa, ni ne devas senkuraĝiĝi, sed ĝin rekomenci, eĉ multfoje, ĝis la celo estos trafita. Precipe, tiu historio donas, kvankam ne eldiritajn, bonegajn konsilojn pri prudento kaj modesteco. Certe la aŭtoro de tiu monografio mirus, se okcidentano dirus al li, ke la Saratovaj Esperantaj sukcesoj estis multfoje „brilaj". Li ne estas kontenta pri la rezultato de la Saratova propagando, kaj tiun pesimistan opinion li celas pravigi per jenaj ciferoj: „Laŭ statistiko farita de lokaj Esperantistoj, la nombro de personoj, kiuj iel montris intereson al Esperanto, superas 300; aliajn nekonatajn kaŝitajn esperantistojn oni povas kalkuli 500—600 Tiel oni povas diri, ke en Saratovo troviĝas ĉirkaŭ 800—900 Esperantistoj aŭ Esperantemuloj. Por urbo kun 29,000 loĝantoj tiu ĉi nombro estas tre malgranda." Mi opinias, kontraŭe, ke tiu nombro, se ne mirinda, tamen estas kontentiga; ĉar ne al la tuta nombro de Saratovanoj oni devas ĝin kompari, sed nur al la nombro de personoj, kiuj pli-malpli interesiĝas al la internacia afero; kaj nenie tiu nombro estas tre grava. Ni konsciu, ke nia afero progresas samgrade kun la internaciema kulturo.

Pro alia motivo la aŭtoro estas pesimista, pro tio, ke li komparas la Saratovan aŭ orientan propagandon kun la okcidenta, kies rezultatojn — pro malveraj informoj — li vere trograndigas. „En okcidenta Eŭropo, li diras, Esperanto kaj Esperantismo antaŭ delonge fariĝis *kutima fenomeno*. Ili definitive eniris en la socialan vivon, ĉiuj scias pri ili, multaj uzas ilin, kaj neniu miras ilin. Granda serio de ĵurnaloj kaj gazetoj, ankaŭ tiaj solidaj eldonaĵoj, kiel pariza *Matin* aŭ *Journal* havas Esperantajn fakojn... komercistoj uzas la nomon Esperanto por siaj reklamoj: aeronaŭtoj nomas per tiu ĉi nomo siajn aeroplanojn." Ĉu niaj samideanoj el Saratov ne transportis nin en la feinan landon revitan de Esperantistoj? Ne, karaj amikoj; ne estas ankoraŭ Esperanta fako en le *Matin* nek en le *Journal*; ĉu iu aviadisto nomis Esperanto sian aeroplanon? Eble, sed ne certe.

Ni vidu pli modeste nian propagandan celon. Ni ne preparu al ni danĝerajn seniluziigojn. Des pli modestaj ni estos, ju pli kuraĝaj, persistemaj kaj venkopovaj. *Vertido.*

* * *

*Adolf Dygasinski*. **Lupo, hundoj kaj homoj,** el la pola lingvo, trad *Br. Kuhl* (intern. mondliteraturo, n-ro 7). Magdeburg. Prezo: 0.50 Sm.

Pri Adolf Dygasinski, S-ro Br. Kuhl en konciza antaŭparolo instruas nin, ke preskaŭ ĉiuj liaj verkoj havas kiel temon la vivon kaj morojn de bestoj... Dum la anglo R. Kipling montras la homon triumfantan super ĉiuj aliaj kreitaĵoj, Dygasinski tezas, ke patrino Naturo estras kaj favoras ĉiujn egale, ke la homo troviĝas, ne pli alte, sed sur same nivelo kun aliaj vivantaĵoj. En la novelo „Lupo, hundoj kaj homoj" estas plej klare esprimitaj la teorioj de Dygasinski.

En la unua ĉapitro svarmas arboj, floroj, ĉiuspecaj bestoj en grandega arbaro. En la dua aperas la ĉefa persono de l'novelo, la lupeto Buto, kiun la rakontanto edukas hejme kun hundoj kiel hundeton; sed iom post iom en sekvantaj ĉapitroj la lupeto maturĝante resovaĝiĝas. Fariĝas neeble ĝin konservi en kampara domo. Ĝia mastro ĝin rekondukas en la naskarbaron, kie ĝi amikiĝas nur kun knabo preskaŭ tiel sovaĝa kiel ĝi. La du amikoj mortas preskaŭ samtempe, la knabo senvivigita de malzorgo, malvarmo, malsato; la lupo mortigita de la homoj.

Bona estas la stilo de la traduko, kaj mi opinias, ke la tradukisto atingis la veran celon de traduko, transvivigante multon el la beleco kaj freŝeco de la pola originalo.

S-ro Kuhl diras: „Multaj certe plendos ke mi, krom la vortoj ĝenerale de ĉiuj uzataj, tamen kondamnataj de kelkaj ortodoksuloj, kuraĝis enkonduki tute novajn vortojn... Mi havas praviĝon en la fakto, ke preskaŭ ĉiuj estas vortoj sciencaj, botanikaj kaj zoologiaj; mi prenis ilin el la latina lingvo." Mi opinias, ke eĉ la plej fanatikaj „ortodoksuloj" ne plendos pri tia enkonduko. Neniam ili rifuzis al verkisto pruntepreni el la latina, greka aŭ aliaj lingvoj la *necesajn* sciencajn vortojn, precipe kiam la pruntoprenanto aldonas (kiel faras S-ro Kuhl) klarigan tabelon (p. 87). Sed kelkaj vortoj (kiujn ne montras la tabelo) estas aŭ nebonaj, aŭ senutilaj, aŭ malkorektaj, aŭ kripligitaj, ekz. fugi, kriblilo (kribri), ex-re (?), ludis preferancon (?), ĝenigis (ĝenis), garderobo, inklusive (inkluzive), ektaŭgo (?), pli alta (ol) superstiĉoj (p. 47) stoplaro (?). Tiuj malmultaj makuletoj estas facile korekteblaj, kaj restos libro perfekta kaj tute rekomendinda, same kiel aliaj specimenoj de tiu rava kolekto.

* * *

*Milka Pogačić*, **Konfeso,** el la kroata lingvo, trad. *Antonija Jozičić*. Kostajnica (Kroatujo). Prezo (kun trasendo) Sm. 0.60.

Jen novan specimenon de la kroata literaturo prezentas al ni S-ino Ant. Jozičič. En mallonga antaŭparolo, S-ro Mavro Ŝpicer nin konatigas kun la aŭtorino, kiu „pli ol tridek jarojn servas la kulturon kiel instruistino, verkisto, kaj lasttempe kiel lerneja direktorino kaj prezidantino de la unuiĝo de instruistinoj... Ŝiaj verkoj estas ornamoj de la literaturo kroata."

La rakonto (93-paĝa) estas interesplena; ne sen profunda kortuŝo oni legas la turmentegojn, lerte analizitajn, de juna talenta kuracisto, kiu, post kelkaj feliĉegaj jaroj de dolĉa kunvivado kun ĉarma edzino, iom post iom dubas pri ŝia fideleco, elmordas mem sian koron pro senfundamenta ĵaluzo, alpuŝas la iam amitan edzinon al plej terura morto kaj preparas al si akrajn konsciencriproĉojn kaj malluman vivofinon.

Bedaŭrinde la traduko ne estas senriproĉa. Eĉ al mi ŝajnis, ĝin legante, ke dum la traduka laborado S-ino A. J. ellernis Esperanton. Efektive la stilo, malkorekta en la unua triono de la verko, poste bonetiĝas, dekroatiĝas kaj fine preskaŭ tute Esperantiĝas. Jen kelkaj ekzemploj de malbonaĵoj: sidinte ni... deprenis ci (1), memoriĝis (4), ĝis ci *ne* trankviliĝis (5), ci *nek* intencas (5), disturbi (5), orfiino (8), rapidiĝis (10), tio ne estis *jus* malfacila (12), ĉu ci scios ĉiam (15), satisfakcion (15), tiel karaj, *ol* kiam (17), *tiki* la ŝultrojn (20), sur mia sido (21), defias (31), malriĉa, malriĉulo (35, 73), kun la senco de „kompatinda, kompatindulo" depost (konjunkcio p. 36), ktp. Preskaŭ ĉiuj jus cititaj malkorektaĵoj estas plurfoje ripetitaj kaj iom difektas la plezuron de la leganto. Ĉu S-ino A. J. nescias, ke ekzistas Literatura Asocio, kies ĉefa celo kaj utilo estas tralegi kaj korekti la manuskriptojn kaj faciligi la eldonon de laŭstile senriproĉaj libroj? *Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Rigardo malantaŭen*

*Ordo kaj Libereco.*

*Bone estas en tiu ĉi komenco de jaro ĵeti rigardon malantaŭen kaj fari, por tiel diri, sian konsciencekzamenon.*

*Niaj legantoj pardonos, se, laŭ invito de nia kara direktoro, ĝin mi faros publike, kaj, espereble, ili bonvolos min ne kulpigi pri kondamninda „miismo“.*

*Mi do relegis kelkajn el la artikoloj, kiujn mi verkis, precipe por* Lingvo Internacia, *dum la lastaj jaroj.*

*Ĝojo kaj malĝojo!*

*Kun ĝojo, kaj mi konfesas kun iom da fiereco, kiam mi konstatas, ke ĉiam kaj ĉie la saman programon mi senlace defendis, de la komenco de mia esperantista agado ĝis la hodiaŭa.*

*Sekve, mi certe ne lasis min direkti de momentaj aŭ personaj konfliktetoj, antipatioj aŭ simpatioj, sed mi obeis sole principojn kaj regulojn, kiuj, eĉ antaŭ ĉiu polemiko, ŝajnis jam al mi plej justaj kaj observindaj, ĉar konformaj al ia difinita vivkoncepto, vivfilozofio: ordo kaj libereco.*

* * *

*Tiuj principoj, en sia apliko sur la lingva kampo, estas, ke al arta internacia lingvo, kiel estas la nia, firma neŝancelebla fundamento estas nepre necesa, ĉar ĝi sola povas anstataŭi la lingvan tradicion, sen kiu neniu senrompa evoluado estas ebla, aŭ pli ĝuste neniu ajn evoluado, tial ke rompoj en la evoluado ĝin fatale detruas: ne plu kontinua, ĝi ne plu estas evoluado.*

*Dua principo estas — kiu ne kontraŭstaras al la unua, sed forigas la senmovecon — ke, ĉar ni sukcesis fari el nia lingvo, dank' al tio, ke ĝi ne estas por ni celo sed ilo, lingvon vere vivantan, ĝia evoluado povas esti nur natura, kiel tiu de ĉiu vivantaĵo; tio signifas, ke la lingvo devas kreski kaj pliriĉiĝi nur laŭbezone, per la uzado, per la verkoj de la aŭtoroj, kiuj unuigas profundan respekton al la lingvo kun la kapablo pensi en Esperanto aŭ repensi en Esperanto la nacilingvajn verkojn, kiujn ili proponas al siaj esperantistaj legantoj.*

*Ĉiu alia metodo estus kontraŭnatura: per tro rapida, ofte tute arbitra kaj kaprica pliriĉigo ĝi baldaŭ renversus la firman komunan bazon kaj mortigus la lingvon... Oni ne kreskigas arbon eltirante ĝin el la tero kaj rompante ĝiajn radikojn!*

*Tiun ĉi naturan evoluadon — por konservi la internacian unuecon — konstatas, kontrolas kaj normaligas la oficialaj lingvaj institucioj: la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio.*

*Al la scienculoj, rilate al la faka kaj teknika lingvo, oni devas lasi plenan liberecon, ĉar ili solaj havas tie ĉi la necesan kompetentecon.*

* * *

*Sur la organiza kampo, mi ĉiam opiniis kaj jam diris en Boulogne-sur-Mer, ke dezirinda estas internacia kunlaborado, sed ke ĝi estas ebla kaj sendanĝera nur sur la bazo de la naciaj societoj, nur en plena respekto de la sendependeco de tiuj ĉi naciaj — en siaj landoj sed nur tie oficialaj — societoj. Por tia unuiĝo mi ĉiam laboris, sed ĝin mi deziris kaj deziras internacian, ne supernacian aŭ eksternacian; internacian „oficialan“ karakteron ĝi cetere kaj fakte ne povas havi. Hodiaŭ ankoraŭ mi ne sukcesas kompreni, kiamaniere povus funkcii normale, sur ia laŭleĝa bazo, poresperanta komitato, kies anoj estus elektitaj unuj de la naciaj societoj, la ceteraj de grupoj aŭ grupetoj... eble kontraŭ la unuaj. Kaj, kiam mi diras, ke tia organizaĵo ŝajnas al mi sen kunteniĝo, vere „nekohera“, mi certe ne diras tion por ofendi iun ajn, sed simple ĉar mi restas fidela al principoj, kiujn mi jam de longe defendis, kaj kun la espero, ke fine ni trovos kontentigan solvon en klara ordo kaj en de ĉiuj respektata libereco.*

*Ni do laŭeble devas plifortigi niajn naciajn societojn kaj plifaciligi aŭ krei inter ili intimajn kaj regulajn rilatojn por fruktoporta kunlaborado.*

*Aliparte mirindan, internacian organizaĵon ni havas en nia praktika UEA, kvankam ĝi tute prave neniam pretendis al ia ajn oficialeco. Privata institucio, ĝi estas dank'al tio plene libera, kaj, sendanĝere, sur la aplika kampo, ĝi povas celi al kiel eble plej granda internacieco.*

*Ĝian naskiĝon mi salutis kun ĝoja espero, sed multe pli gravaj, ol mi antaŭvidis, fariĝis ĝiaj servoj en ĉiuj direktoj. Uzante la lingvon, utiligante ĝin, farante el ĝi per agoj ne celon, sed ilon, multe pli efike, ol ĉiuj niaj teorioj, ĝi garantiis kaj garantias nian Esperanton kontraŭ skeptika kriticismo, kiu nenion edifikante, ĉion subfosas kaj detruas. Dum ni, cetere ne senutile, skribis kaj predikis, ĝi agis kaj meritis al si la apogon de l'tuta Esperantistaro. Plezure tion mi ripetas hodiaŭ.*

* * *

*Kaj, dum mi relegas la artikolojn, en kiuj laŭpove mi defendis tiujn ĉi diversajn ideojn kaj instituciojn, al la ĝojo, kiu rezultas de la konstato, ke ĉiam pli ĝenerale ili estas akceptataj de nia Esperantistaro, enmiksiĝas vera malĝojo: kiom da malkompreniĝoj naskis tiuj ĉi artikoloj, kiom da senutilaj, akraj, ofte personaj polemikoj ili elvokis, kiajn eĉ malnovajn amikecojn ili rompis, kiom da doloraj momentoj en ili ofte estas kaŝitaj!*

*Se mi devus rekomenci, mi tamen rekomencus, ĉar alie mi ne povus; sed certe mi penus por forigi el tiuj ĉi skribaĵoj ĉiun senutilan akrecon, ĉiun blindigan pasion; mi penus por meti en ilin iom pli da dolĉeco, da sereneco, da „interna ideo“!*

*Tiel estu en estonteco!*

*Ĉar la batalo por ideoj ne tuj finiĝos, ĝi almenaŭ fariĝu nobla, kiel decas inter samideanoj.*

*Tion mi tutkore deziras sur la sojlo de nova periodo, kiu espereble kondukos Esperanton al fina triumfo.*

Th. Cart.



# KRONIKO

## Aŭstrio-Hungario.

*Capodistria:* La Istria Esp. Unuiĝo kaj Studenta Grupo de UEA festis la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof. — *Červeny Kostelec:* Malfermiĝis kurso kun 40 anoj; instruas S-ro F. Baliček. — *Graz:* Kurso en ĉambro de la Landes-Oberrealschule, gvidata de S-ro K. Bartel; 20 anoj. — La 26 decembro la ĉi tieaj Esperantistoj kunvenis por adiaŭi sin de la ĝisnuna Del. de UEA kaj vicprezidanto de la Stiria Esp. Societo, S-ro D-ro R. Pettera S-ro D-ro Pettera estis la unua pioniro de Esperanto en Graz kaj Stirio, fondis la St. E. S. kaj kunfondis la Akademian Esp. Societon en Graz Pro siaj meritoj li ankaŭ estis elektata honora membro de St. E. S. — *Lostice:* La 28 decembro okazis propaganda parolado de S-ro P-ro Fridrich, Del. en Prostějov, antaŭ 200 personoj. Estis samtempe aranĝita malgranda ekspozicio. Kurso baldaŭ komenciĝos. — *Isola:* La 15 decembro parolado de S-ro P-ro D. Cossaro pri la vivo de D-ro Zamenhof; 65 ĉeestantoj. — *Kolozsvár:* La Filozofia Fakultato de la universitato donis oficialan permeson al S-ro E. de Rákóczy, gvidi konstantajn kursojn. — *Nagykörös:* La 5 decembro fondiĝis Esp. grupo kun 60 membroj; prez.: S-ro A. Bánóczy. — *Olmütz:* La 29 novembro okazis propaganda parolado por germanoj pri Esperanto kaj UEA de S-ro P-ro Murath en ĉambrego de la komerca akademio; la vizito estis bona. Sekve de tiu parolado malfermiĝis kurso kun 30 anoj en germana reala lernejo; gvidas S-ro P-ro Murath. — *Plzen:* La Laborista Esp. klubo aranĝis la 20 decembro publikan diskutadon pri la internacia lingvo. S-ro Tittl, kiu funkciis kiel defendanto de Esperanto lerte kaj detale prezentis la historion de Esperanto kaj Ido; liaj klarigoj kaj refutoj estis tiom konvinkaj, ke brua aplaŭdo lin rekompencis. — *Schattau:* Post sukcesa parolado de S-ro Jankovich komenciĝis kurso kun 15 anoj; instruas S-ro Jankovich. — *Trieste:* La perfektiga kurso gvidita de S-ro P-ro D-ro Ghez finiĝis kun bona sukceso la 23 decembro. Antaŭ ol fermi la kurson, S-ro Ghez faris paroladon pri la oficialaj institucioj de Esperanto. Poste parolis S-ro D-ro Grandi, kiu transdonis al la instruinto belan donacon. — La urbestraro permesis, ke sub aŭspicioj de „Rondo Esperanta“ estu gvidotaj du kursoj en ĉambroj de popolaj lernejoj. — *Villach:* La nova klubejo de la Esperanto-Verein für Kärnten“ nun estas en Gasthof Rauter „Zum Hirschen“, Khevenhüllergasse, kien oni bonvolu direkti ĉiujn sendaĵojn. La societo invitas la trapasantajn Esperantistojn al vizito de sia klubejo.

## Belgujo.

*Bruges:* La Esp. grupo malfermis kurson kun 25 lernantoj.

## Britujo.

*Bradford:* S-ro J. T. Holmes faris la 14 decembro paroladon ĉe la dimanĉa lernejo ĉe Great Horton pri D-ro Zamenhof kaj lia verko. — *Southport:* S-ro G. W. Iddon, Del., faris paroladon la 25 novembro antaŭ la Y. M. C. A. pri UEA. — F-ino L. Iddon instruas du kursojn ĉe la urba teknika lernejo; 25 anoj.

## Francujo.

*Annecy:* Kurso komenciĝis sub gvidado de S-ro Boucon. — *Château-Thierry:* S-ro G. Delanone, Del., organizis en la loka grupo du kursojn, 31 anoj; li ankaŭ gvidas kurson en la urba kolegio kun 8 anoj F-ino Pagés malfermis specialan kurson por instruistinoj. — *Draguignan:* Kurso malfermiĝis kun 10 anoj sub gvidado de S-ro Caire, prez. de la grupo kaj Del. — *Fresnes:* La 14 decembro okazis sukcesa propaganda festo, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 600 personoj. Ĝi konsistis el kantoj, deklamoj, muziko, lerte farita parolado de S-ro Koch, P-ro ĉe la liceo de Douai, pri Esperanto kaj UEA, kaj el komedieto. Kurso malfermiĝis la 20 decembro. — *Laval:* La 27 novembro S-ro Colas paroladis en la urbdoma ĉambrego; la gazetoj favore raportis. — *Marseille:* Krom la du kursoj jam okazantaj oni malfermis novan kurson ĉe la „Société des Sténographes-Comptables“ sub gvidado de S-ro Verlaque. — Post vizito al la ĵurnalo „Petit Provençal“, ĝia direktoro permesis la starigon de konstanta Esp. ekspozicio en la publika halo de la ĵurnalo. La grupo danke akceptos ĉiuspecajn Esperantaĵojn por pliriĉigo de tiu ekspozicio. Adreso: 16, Place de la Bourse. — *Paris:* S-ino Ferter faris la 24 novembro paroladon ĉe la Laborborso pri vojaĝo al Berna Kongreso kaj tra Svisujo, kun lumbildoj. — S-ro Souchay parolis la 22 decembro en la Laborborso pri la Dublina striko kaj la kooperativa movado en Anglujo. — Parolado pri Esperanto kaj socialismo estis farita la 31 oktobro en la grupo socialista de Picbus. — *Saint-Dizier:* La Komerca ĉambro voĉdonis sumon de 20 Sm. por la Esp. grupo de sia urbo kaj aprobis la ĝeneralan propagandon faritan por la disvastigo de Esperanto. — *Toulouse:* La kursoj de la grupo rekomenciĝis la 13 novembro sub gvidado de S-ro D-ro Chalot. Ĉe la Labora Borso okazas kurso kun 30 anoj; instruas S-ro L. Conques.

## Germanujo.

*Ansbach:* S-ro D-ro Ledermann, Del. en Augsburg, laŭ invito faris la 17. novembro propagandan paroladon; malfermo de kurso estas intencita. — *Bitterfeld:* En novembro kaj decembro S-ro Roediger faris paroladojn en stenografia kaj komercistaj unuiĝoj kun bona sukceso. Komenciĝis nova bone vizitata kurso. — *Bochum:* La 2 novembro la grupo aranĝis propagandan tagon; S-ro D-ro Linker el Hagen parolis antaŭ pli ol 200 personoj, el kiuj 112 enskribiĝis per kurso. — *Dortmund:* La grupaj kunvenoj nun okazas en la nova kunvenejo hotelo Grafenhof, Hohe Strasse, ĉiuvendrede. — *Frankfurt a. M.:* La 12 decembro la loka grupo festis la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof kaj tiun de la grupa prezidanto, S-ro Hummel. S-ro Kreutz faris la festan paroladon kaj transdonis al S-ro Hummel la gratulojn de la amikaro. — En Stenografen-Verein Stolze-Schrey S-ro Kreutz faris propagandan paroladon la 16 decembro; 60 personoj. — *Friedrichsthal-Saar:* La Esp. Rondo de Kazino malfermis novan kurson kun 14 anoj; instruas S-ro A. Höft, Del. — *Günnigfeld* apud *Gelsenkirchen:* Nova grupo fondiĝis kun 25 membroj; la kurso estas gvidata de S-ro A. Przyswitt, Del. — *Hanau a. M.:* Laŭ invito S-ro Kreutz, Frankfurt a. M., propagande paroladis okaze de nova kurso. — *Heilbronn:* La ĉefkunveno de la unuiĝo „Verda Stelo“ okazis la 14 decembro. La prez. donis raporton pri la pasinta duonjaro, kiu montras bonan progreson. La dua parto de la vespero estis dediĉita al festo de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof; S-roj Bachmann kaj Frasch faris paroladojn riĉe aplaŭditajn. — *Leipzig:* En la unuiĝa „Vortrupp“ S-ro Freiherr von Eickstedt faris paroladon pri sia vojaĝo Hispanujon per Esp. — Komenciĝis kursoj por la policoficistoj kaj la oficistoj de la librometia muzeo. — La 30 novembro la grupo „Zamenhof“ festis sian fondiĝfeston; la grupo „Leibniz“ la 6 decembro aranĝis familian rondon. Ambaŭ manifestadoj havis bonan sukceson. — *Mannheim:* Post parolado ĉe la Vortruppanoj kaj Bontemplanoj S-ro D-ro Mulert sukcesis fondi du kursojn kun entute 20 anoj. — *Stralsund:* S-ro R. Buhtz, Del., aranĝis novan kurson en la instruista unuiĝo, vizitatan de 30 anoj. — *Waldsassen:* S-ro Wagner, Del., fondis Esp. Grupon, al kiu aliĝis 60 membroj, kaj gvidas kurson kun 55 anoj.

## Hispanujo.

*Barcelona:* Fondiĝis du novaj grupoj kun la nomoj „Esperanta Stelo“ kaj „Minervo“; ĉe ambaŭ malfermiĝis kursoj gvidataj de S-roj A. Casas kaj A. Montfort. La 21 decembro la grupoj „Fajro el Barcelona kaj „Esp. Burĝono“ el Rubi organizis ekskurson al Rubi, kie ĉe la urbodomo okazis propaganda manifestado kun parolado pri UEA. Ĉeestis pli ol 300 personoj. — *Palma:* Malfermiĝis du Esp. kursoj gvidataj de S-roj G. Alomar kaj J. Aguilo. — *Sabadell:* La 23 novembro la Aplech Esp. Grupo organizis Esp. literaturan kaj muzikan feston, kiu havis tre bonan rezultaton. La sama grupo malfermis tri novajn kursojn kun ĉirkaŭ 55 anoj sub gvidado de S-roj J. Bracons, M. Tinals, C. Peig.

## Italujo.

*Cortemaggiore:* La 16 novembro S-ro P-ro M. Carolfi paroladis antaŭ 150 personoj, inter kiuj la urbestro; tuj poste malfermiĝis kurso kun 35 anoj. — *Fiorenzuola d'Arda:* La 23 novembro okazis parolado de S-ro P-ro M. Carolfi antaŭ ĉirkaŭ 300 personoj; kurso kun 50 anoj komenciĝis. — *Verona:* Rapida kurso por kleruloj komenciĝis la 9 decembro; gvidanto estas S-ro A. Vaona. Partoprenas ĉirkaŭ 30 personoj.

## Nederlando.

*Groenlo:* La 5 januaro S-ro Hölscher el Aachen paroladis kun 200 lumbildoj pri sia vojaĝo, kiun li faris kun sia edzino tra Italujo kaj Svisujo; 70 aŭskultantoj.

## Rusujo.

*Astraĥan:* La Esp. Societo arangis la 23 novembro en la urba popola aŭditorio, senpage donita al la societo kaj ornamita per multaj flagoj, grandan festvesperon, kiu konsistis el koncerto, diversaj deklamoj, kantoj kaj muzikaj prezentaĵoj. La ĉeestantoj atingis la nombron 1200. Estis ankaŭ aranĝita malgranda ekspozicio. Sekve de tiu sukcesa festo malfermiĝis kurso en komercaj klasoj, prizorgataj de l'Komerca Ministerio. — *Ĥarkov:* La Esp. Grupo nun havas propran sidejon en privata knaba gimnazio, kie okazas du kursoj gvidataj de S-roj M. Gutman kaj N. Karelskij. Ĉiumonate estas aranĝata amuzvespero kun koncerto kaj parolado. En oktobro parolis S-ro D-ro Sobolev pri la Naŭa, en novembro S-ro Karelskij pri UEA. — *Kovno:* Dank' al klopodoj de la Esp. Societo kursoj estas malfermitaj kun 60 lernantoj; instruas S-ro N. Biĉkov. — *Lodz.* La 20 decembro okazis balo aranĝita de la Lodza Esp. Societo. Poste sekvis deklamoj kaj koncerto. Ĉeestis ankaŭ samideanoj el Kaliŝ, Zawiercie k. a. La gazetoj tre favore raportis. — *Peterburgo:* S-ro D. Vigodskij gvidas la novan kurson ĉe la universitato; 10 partoprenantoj. - Fondiĝis la 10-a studenta Esp. Grupo kun 20 membroj. - La Esp. Grupo de la Teknologia Instituto aranĝis la 29 novembro koncertvesperon kun balo, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 400 personoj. — *Rakov* apud *Czestochova:* S-ro B. Gluchovski malfermis kurson kun 10 lernantoj de popola lernejo.

## Svisujo.

*Genève:* Nova Esp. Klubo aranĝis la 19 decembro festeton okaze de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof. La programo konsistis el parolado de S-ro H. Hodler pri D-ro Zamenhof kaj lia verko kantado de F-ino Hartmann kaj diversaj muzikaj prezentaĵoj de S-ro P-ro Mallet, Del., kaj S-ino Hartmann. La kunveno estis bone vizitita.

## Afriko.

*Alexandrie:* La 14 decembro fondiĝis nova societo „Esperanto". S-ro G. Vilken, Del., faris paroladon dum la malferma kunsido kaj gvidas la novajn kursojn.

## Nord-Ameriko.

*Beatrice:* Fine de oktobro okazis la jara kunveno de la Nebraska Ŝtata Kristana Celada Unio. En la ĉambro de la komerca klubo estis faritaj 3 paroladoj de S-roj Lang, Wilson kaj Hulburt. Sekvis la Esp. diservo kaj Esp. prediko farita de S-ro pastro Chas. P. Lang. Ĉio havis plej bonan sukceson. — *Philadelphia.* Malfermiĝis kurso en la socialista dimanĉa lernejo; 30 anoj. — *Topeka:* Kurso komenciĝis en la centra Y. M. C. A. (Kristana Unuiĝo de junaj Viroj); 12 anoj.

## Sud-Ameriko.

*Montevideo.* Malfermiĝis kurso sub gvidado de S-ro M. Fernandez; 74 partoprenantoj. — La 2 decembro S-ro Fernandez faris interesan paroladon antaŭ multnombra publiko, kiu per varma aplaŭdo montris sian kontentecon.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

∴ **Kongresa Gazeto.** — La unua numero de la *Gazeto de la Deka Kongreso* antaŭ nelonge aperis. Ĝi enhavas diversajn interesajn informojn pri Parizo kaj la kongreso, kaj estas ilustrita. Rilate al ĝia apero, la Kongresa Komitato komunikas al ni la jenan noton, pri kiu ni atentigas ĉiujn estontajn kongresanojn:

Kelkaj samideanoj demandis la Organizan Komitaton de la Deka, kial ĝi ne sendas al la kongresanoj, kiuj aliĝos inter januaro kaj aŭgusto, la jam aperintajn numerojn de la Kongresa Gazeto. Nu, tute simple ĉar tio ne estas ebla. Por tion fari, ni devus scii, kiom da Esperantistoj partoprenos en la Deka Kongreso, kaj antaŭpresigi sufiĉan nombron da ekzempleroj de la Kongresa Gazeto — sed pri tio ni absolute ne povas havi ideon. Kaj se ni presigus nombron da ekzempleroj certe pli ol sufiĉa — ekzemple 10,000 — ni farus senutile gravan elspezon.

Aliflanke oni devas konsideri, ke la kongresanoj, kiuj aliĝas frue, tre faciligas la gravegan laboron de la Organiza Komitato. Estas do tute juste, ke ili ricevu ian kompenson — nome plenajn kaj freŝajn informojn pri la Deka.

Sed, ĉar por la samideanoj, kiuj loĝas en landoj malproksimaj de Eŭropo, la templimo unue fiksita por la aliĝoj, kiuj rajtigos al la ricevo de la Januara Kongresa Gazeto, estus eble iom nesufiĉa, la Organiza Komitato decidis, ke la Esperantistoj, kies aliĝon ĝi ricevos en januaro 1914, ankaŭ ricevos la unuan numeron de la Kongresa Gazeto. Poste oni aplikos la antaŭe fiksitan regulon, t. e. ke la kongresanoj, kiuj aliĝos en februaro ricevos la Kongresan Gazeton de marto, aprilo, ktp., tiuj, kiuj aliĝos en marto ricevos la numerojn de aprilo, majo, ktp.

∴ **Paroladoj pri la Kongreso.** — Por helpi al tiuj, kiuj bonvolas labori por la sukceso de la Deka Kongreso, organizante paroladojn pri la urbo Paris, la Loka Komitato kolektis *lumbildojn* de la plej belaj kaj famaj vidaĵoj de la urbo kaj de kelkaj najbaraj kasteloj. La samideanoj, kiuj deziras utiligi tiujn lumbildojn, devos kiel eble plej frue sin turni al la Loka Komitato, kiu sciigos ilin, je kioma dato ĝi povos sendi la kolekton. La kolekto estos sendata afrankite, sed devos esti resendata *tuj* post la parolado al montrota adreso, per la elspezo de la paroladinto.

∴ **Fakaj kongresetoj.** — La Organiza Komitato de la Deka rezervos, dum la daŭro de la Kongreso, unu tagon, kiu estos ekskluzive dediĉata al fakaj kongresetoj. Ĉiu kongreseto konsistos el: 1e Vizito de la membroj de la Esp. societo al la estraro, membroj aŭ kelkaj eminentuloj de la franca samfaka societo; dum tiu vizito, oni invitos la francajn personojn ĉeesti la kunsidojn de la Esp. societo. — 2e Vizitoj de monumentoj, muzeoj, laborejoj, ktp. interesaj por la specialistoj: dum tiuj vizitoj, klarigoj estos donataj de la samfakaj esperantistoj antaŭ la neesperantistaj samfakanoj kaj la publiko. — 3e Unu aŭ kelkaj kunsidoj, en kiuj oni pridiskutos demandojn teknikajn antaŭ la parizaj samfakanoj, kiujn oni invitos ĉeesti. Oni tradukos aŭ resumos la ĉefajn esperantistajn paroladojn, kaj oni atentigos pri la facila diskutado en Esperanto de la teknikaj temoj.

∴ **Ekspozicio, vendejo.** — Ili kuŝos en malsamaj ĉambroj. La nura vendejo, jam tre granda per si mem, sed malgrandega kompare la tutan Palacon Gaumont surkuŝas 400 m². Prezidanto de la speciala komisiono estas S-ro Rousseau, 4, Place de la République, *Levallois-Perret*, Seine. Oni skribu al li!

∴ **Garantia kapitalo.** — Je la 1 decembro 1913 ĝi atingis 46,500 Fr. Krom tio la firmo Hachette & K-io donacis 2000 Fr. al la Kongresa Kaso kaj la franca Turing-Klubo 250 Fr.

∴ **Alvojaĝado de la kongresanoj.** UEA aranĝos diversajn karavanojn pri kiuj informoj aperos en proksimaj numeroj de nia gazeto.

Ĉe la landlimo dejoros helpantoj, kiuj peros inter la dogano kaj donos al ili ĉiajn informojn kaj eventuale la rabatilon por la fervojoj. Ĉe ĉiu stacidomo en Parizo estos instalita akceptejo kaj dejoros helpantoj.

## DIVERSAĴOJ

.·. **UEA en Londono.** — Jen resumo de la jara raporto de la Ĉef-Delegito de UEA en Londono; ĝi trafe montras, kiel disvastiĝis nia Asocio en la brita ĉefurbo.

*Korespondado:* La nombro de leteroj ricevitaj estis 1094, forsenditaj 1284; tuta movado 2378. La korespondado ĉiutage kreskas, kaj por montri tion, estas nur necese kompari la ciferojn por la periodo Nov.-Aprilo (1058) kun la periodo Majo-Okt. (1320).

*Membroj:* Ilia nombro superis ĉiujn esperojn. En 1912 estis 170. Ni ne nur atingis tiun ciferon, sed malgraŭ la duobligo de la kotizaĵo ni atingis 250 membrojn.

*Entreprenoj:* Tre grava estas la varbado de firmoj, societoj ktp., kiuj uzos Esperanton; nun 25 tiaj entreprenoj ekzistas.

*Reklamoj:* Por la lasta eldono la Del. havigis 8 reklamojn.

*Vizitantoj:* Dum la jaro la Del. havis la plezuron renkonti ĉe stacidomoj kaj alimaniere helpi 25 personojn. Multaj estis helpitaj de la aliaj Londonaj Del.; notinda estas granda karavano de 50 personoj de Francujo, kiu venis al Londono dum la foresto de la Del. en Berno, kaj por kiu faris ĉiujn aranĝojn Policana Del. Alcorn, helpita de S-ro Blaise kaj aliaj.

*Komerco:* La Del. ofte havis okazojn skribi aŭ viziti firmojn pri diversaj informpetoj, kaj per tio faras bonan propagandon, ĉar li tiam povas pruvi, ke nia lingvo estas nun efektive uzata en komerco. Interalie li sukcesis interesi la „Board of Trade", kiu ofte havigas por li utilajn informojn.

*Gvidfolio tra Londono:* Dank' al monhelpoj de diversaj Londonaj grupoj kaj individuoj, gvidfolio estis presita po 5000 ekz.

*Paroladoj:* Multaj paroladoj estis faritaj ĉe grupoj kaj kunvenoj en diversaj partoj de Londono, de la Delegitoj kaj de nia estimata Prezidanto, S-ro Mudie. Citindaj estas ankaŭ la sukcesaj subĉielaj kunvenoj ĉe Hyde Park, ĉar ĉiufoje oni aludis pri UEA kaj ĝia bona laboro.

*Garantia kapitalo:* La Del. kolektis por ĝi 1000 frankojn (400 Sm.).

*Servoj:* La servoj ankaŭ kreskas; dum la jaro la Del. faris entute 268, el kiuj 82 estis sole por komerco. Kelkaj ekzemploj de la tre diversaj servoj plenumitaj aperis en la Dokumentaro de la 4a Kongreso de UEA (paĝ. 18–19).

Krom tio la Londona Del., laŭ speciala komisio de UEA, klopodis pri la reorganizo de la anglaj distriktoj kaj elekto de Delegitoj en anglaj urboj, kie nia Asocio ĝis nun ne estis reprezentita.

.·. **Unu milo da blindaj Esperantistoj.** — S-ro Alfred J. Adams en Hastings, kies nelacigeblaj klopodoj por la blinduloj estas bone konataj de niaj legantoj, sendas al ni la jenan komunikon: „Mi ĵus ricevis de S-ro Thilander, el Stockholm, tre zorge kompilitan liston de la suprecititaj mil Esperantistoj. Ĝi konsistas el 811 nomoj dividitaj en 27 diversaj naciecoj:

| | | |
|---|---|---|
| 189 Germanaj | 34 Usonaj | 4 Aŭstraliaj |
| 94 Svedaj | 29 Danaj | 4 Braziliaj |
| 62 Anglaj | 28 Finnaj | 3 Meksikaj |
| 58 Belgaj | 26 Aŭstraj | 2 Irlandaj |
| 51 Francaj | 10 Svisaj | 1 Egipta |
| 51 Norvegaj | 8 Italaj | 1 Sudafrikana |
| 49 Skotaj | 8 Rumanaj | 1 Perua |
| 48 Bohemaj | 8 Rusaj | 1 Ĥina |
| 35 Hispanaj | 5 Hungaraj | 1 Bulgara. |

Krom la suprenomitaj, estas ankoraŭ multaj personoj, kiuj nur de mallonga tempo komencis lerni la lingvon. Multe da nomoj atingis min tro malfrue por esti entenataj en la listo; kelkaj personoj preterlasis doni detalajn respondojn, kaj kelkaj nomoj estas nekonataj de mi. — Mi do povas prave kredi, ke la nombro de blindaj Esperantistoj atingas, kaj eĉ superas, unu milon! Unuanime ĉiuj ĉi atestas pri la granda plezuro kaj intereso enkondukata en ilian vivon per Esperanto. Ĝi ja donis novan ĝojon al ĉiu, kiu persistas en tiu studado. Multaj blinduloj ĉeestis ĉiun el la internaciaj kongresoj, kaj tie ili povis renkonti kaj saluti multajn el siaj samsuferantoj, kun kiuj ili dum jaroj korespondadis. Ĉe tiuj ĉi kongresoj, kaj poste per korespondado, ili estas ebligataj interŝanĝi ideojn, ricevi informojn kaj, ĝenerale, pligrandigi sian intereson en la vivo. Multaj per Esperanto estis ebligataj fari longajn kaj interesajn vojaĝojn en fremdaj landoj, kaj tiel konatiĝi kun muzikistoj, verkistoj, ktp. Multaj estas ankaŭ tiamaniere ebligataj distingi la karakterizaĵojn de diversaj nacioj. — *B. E.*

.·. **Esperanto kaj komerco.** — La jena rakonteto priskribas kiel Esperanta firmo en Germanujo havigis tre valoran informon per UEA, kvankam ĝi mem ne konis la korektan nomon de la objekto, kiun ĝi serĉis!

La firmo, interesante sin pri la terborado, skribis al la Del. por Londono, petante, ke li havigu la adreson de la fabrikisto de „*Diamondite*", speco de ŝtal-kugletaĵo por terborado. La Del. tuj komencis enketon, kiu tamen estis sensukcesa. Li tiam skribis al la „Board of Trade", kaj post 10 tagoj tiu ĉi respondis, ke kvankam demandoj estis faritaj ĉie, ili ne povis eltrovi la nomon de la fabrikanto. Ili tamen diris, ke la enketo ankoraŭ daŭras. Atendinte kelkajn tagojn sen plua informo, la Del. decidis fari pluan klopodon, kaj li komunikis kun la fama firmo, Vickers Limited, demandante ĉu ĝi povos helpi. Atendante ilian respondon, letero venis de la Board of Trade, dirante, ke ĝi sukcesis trovi la fabrikanton de la objekto, Harrison Fratoj, Middlesborough. La venontan tagon respondo venis de Vickers, konsilanta al la Del. sin turni al la Abbey Chilled Shot Ko., Newcastle. Li tion faris, kaj ili respondis, ke la demando estis transsendita al Harrison Fratoj (ĵus rekomendita de la Board of Trade), kiu fabrikis, ne „Diamondite" (kiu ne ekzistas), sed „Diamond Grit", kiu ŝajne estas la produktaĵo bezonata. Je la sama tago letero venis de Harrison Fratoj, entenanta detalojn kaj specimenojn de „Diamond Grit", kiuj estis tuj senditaj al la germana firmo. La specimenoj senditaj estis la ĝusta objekto serĉita, kaj la firmo estis tre dankema je la rezultato de sia demando. Ili nun senpere komunikas kun la fabrikantoj.

Kio estas la rezultato de la supreciitita servo? Unue, valora informo estis ricevita per Esperanto, malgraŭ la nekono de ĝusta nomo de produktaĵo serĉata. Due, la kosto de la tuta afero estis preskaŭ nula, nur poŝtaj elspezoj. Kaj laste, bonega kaj konvinkiga propagando estis farita ĉe tri grandaj anglaj firmoj kaj ĉe grava Registara Departemento. — *Epio.*

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (decembro): Por- kaj peresperanta agado (Th. Cart):

....La poresperanta agado antaŭ ĉio celas la varbadon de neesperantistoj, kaj ĝia laborkampo restas esence *nacia*. La peresperanta agado antaŭ ĉio celas la utiligon de nia lingvo, ĉu inter esperantistoj, ĉu inter ne-esperantistoj, sed pere de esperantistaj agentoj; ĝia laborkampo restas esence *internacia*. Se ne perfekta, almenaŭ jam tre bona kaj tute konforma al sia celo estas, dank'al UEA, la peresperanta organizaĵo. Neniu inter ni esperantistoj havas la rajton forgesi la grandan, utilegan rolon, kiun ludis tiu ĉi asocio en nia movado, ne nur sur la praktika kampo, sed eĉ sur la lingva, per agoj farante de nia lingvo ne celon, sed ilon, kaj certigante per tio la normalan vivon kaj naturan evoluon de Esperanto. Al ĝi devus aliĝi unu post la alia ĉiuj niaj fakaj internaciaj societoj..."

.·. *Amerika Esperantisto* (decembro): La esenco de niaj kongresoj (Ed. Privat):

„Ĉar la Bernan Kongreson ĝojige lumigis hela radio de tiu spirito de frateco, kiu donas la ĉefan valoron al nia movado, jam plendas kelkaj, admonante, ke oni zorge evitu ion similan ĉe la Deka Kongreso. Kvankam ili afable konfesas, ke en Svisujo tia spirito estas taŭga kaj bonveninda, oni povas tamen rimarki, ke pri grava manifestacio kaj pri la sola parolado de D-ro Zamenhof dum la Kongreso, ili en siaj gazetoj tute silentas aŭ moke parodias eĉ sen antaŭa rakonto de l' faktoj.

„Kio do tiel malplaĉis al niaj admonemaj amikoj? Ĉu, ke en Berno oni ne plu disputis akre pri organizaj demandoj? Ke oni kore interfratiĝis kiel en Bulonjo, kiel en Krakovo? Ke la organizantoj salutis la kongresanojn per laŭdo pri la pachelpa flanko de nia afero? Ke 450 kongresanoj (inter kiuj 90 Francoj kaj 80 Germanoj) subskribis aliĝilojn al Mondamikiĝa Societo de Sir Vezey Strong? Ke Franco kaj Germano publike interŝanĝis manpremon kaj afablajn bondezirojn? Ke UEA decidis ion fari por malhelpi publikigon de falsaj novaĵoj kaj gazetaj incitaĵoj kontraŭ aliaj nacioj? Al ordinara esperantisto ŝajnas, ke ĉio tio ĉi apartenas al la esenco mem de niaj kongresoj kaj ke prudenteco jam estis sufiĉe respektata, ĉar oni faris ĉion ĉi ekster la oficialaj kunsidoj.

. . . . Cetere se la registaroj vere tiom atentus je ni, kial ni necese kredus, ke nia interna ideo malplaĉus al ili? Neniu tiom laŭdis ĝin kiom iliaj reprezentantoj ĉe niaj kongresoj. Pri nenio alia parolis ĉiuj senesceptaj registaraj salutantoj, ministroj, urbestroj aŭ konsilantoj de la Unua ĝis la Naŭa Kongreso. Kaj se ili ĉiuj mensogis kaj malsincere parolis kaj se vere ĉiuj registaroj nur deziras militon, malamon kaj sangon, tiam ĉu pli bone estas, ke ni silentu kaj kaŝu nian idealon por konservi ilian altan favoron kaj poste fali kun ili, aŭ ke ni kuraĝe staru ĉe la flanko de l' noblaj homoj, kiuj nepre venkigos iam en la mondo la justan ideon pri paco?

Ekzistas ĉe kelkaj esperantistoj vere ridinda timemo rilate al la nobleco de nia afero dum ili ofte ne simile hezitas por fari polemikojn kaj krei interesperantistan politikon. Tipa ekzemplo de tio estas la flama parolado de kongresano en Bern en la diskutado ĉe UEA de la jena propono: „Ke estu konsiderata kiel aginta kontraŭ la celo de UEA ĉiu persono, kiu per malhonestaj faroj, kiel diskonigado de falsitaj informoj, skribado de insultaj gazetartikoloj, uzado de malhonestaj rimedoj, por spionadi ktp. provas instigi al malamo inter gentoj.“ Unu kongresano leviĝis por protesti je nomo de patriotoj kontraŭ tia propono „kiu kaŭzus al ni malfavoron de la registaroj kaj devigus UEA eksigi siajn membrojn, kiuj fidele defendos sian patrujon kaj faros sian devon en okazo de milito.“ Mi vere min demandas kio malfavorigus la registarojn se ne ia parolado, kiu malkaŝe kulpigas ilin pri protektado de malhonestaj faroj kaj klasigas la soldatojn inter malhonestaj homoj! Stranga patriotismo! Feliĉe la delegitoj respondis al tiaj vere malprudentaj kaj nepatriotaj asertoj akceptante la principojn de la tre interesa propono de S-ro Rousseau . . .“

∴ *La Verda Standardo*, la bonega organo de la Hungarlanda Esp. Societo, eniris la naŭan jaron de sia ekzisto. La nova redaktoro estas S-ro Cezaro Bárczi.

∴ *Finna Esperantisto* (aŭg.-nov.) enhavas interesan artikolon pri la utilo, kiun alportis Esperanto kaj UEA, al vojaĝo de la fama finna gekantista ĥoro „Suomen Laulu“ tra Svedujo, Danujo, Germanujo kaj Anglujo.

∴ *Paris - Esperanto* publikigis, je la komenco de la kursoj, specialan propagandan numeron, en kiu aperis bonega leter-artikolo de S-ro Genermont „Comment se servir de l'Espéranto“.

∴ *Monista Samideano*, nova gazeto, „organo por teorio, disvastigado kaj praktikaj konsekvencoj de Monismo“. Redaktoro: H. Mangelsdorf, Grosse Diesdorferstr. 242, Magdeburg, Germanujo.

∴ *Fluganta Skribilo*, nova stenografia monata gazeto (sistemo Duployé). Redakcio: 9, Boulevard Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Seine, Franc.).

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Fremdenblatt*, Wien (23 okt.), *Neues Pester Journal* (16 okt.), *Neue Freie Presse*, Wien (15 okt.), *Der Bund*, Bern (28 okt.), *Reichenhaller Grenzbote*, *Täglicher Anzeiger für Berg und Mark*, Elberfeld (18 nov.), *Bremer Nachrichten* (23 Nov.), *Grazer Tagespost*, *Grazer Tagblatt*, *Grazer Volksblatt*, *Obersteirische Volkszeitung*, Loeben, *Deutsche Wacht*, Cilli, *Steirischer Verkehrsanzeiger*, *Egerer Zeitung*, *Prager Tagblatt*, *Fremdenblatt*, Wien, *Neuigkeits-Weltblatt*, Wien, *Leipziger Neueste Nachrichten*, *Neues Wiener Tagblatt*, *Budapester Tagblatt*, *Zwickauer Neueste Nachrichten* (17 okt.), *La Liberté de Fribourg*, *La Liberté du Jura*, *Le Petit Troyer*, *Le Journal de Bruxelles*, *L'Ouest*, Angers (27 okt.), *Moniteur de l'Oise* (11 nov.), *Journal de la Nièvre*, Nevers (25 nov.), *Paris-Centre* (25 nov.), *La Tribune*, Nevers (27 nov.), *Le Littoral*, Cannes, *Pariser Press* (14 okt.), *Eastbourne Gazette* (15 okt.), *Gazett*, Worcester, Usono (10 sept.), *Il Viaggiatore*, Torino (n-ro 5), *El Censor*, Bahia Blanca (14 nov.), *Evenimentul*, Jaŝi (13 nov.), *Southport Journal* (29 nov.), *Nagykörösi hirlap* (23 nov.) Konstantaj rubrikoj en Esp. en: *Hátszeg és Vidéke*, *Petrozsény és Vidéke*, *Szaszwáros és Vidéke*, *Svet*, Praha, *Rakovnické Listy*, *Rakovnicky Kraj*, *Ceské Slovo*, *Osvita Lidu*, *Nachodské Listy*, *Maly ctenar*, *Proudy*, Olomouc, *Newa Gazeta Lodzka*, *Necio del Centre Autonomista de Dependents del Comerc i de l'Industria*, Barcelona (nov.).

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ se ne estas al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en februaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 20.750 |
| 99. G. Delanone, Château-Thierry | 125 |
| 100. D-ro M. Steckiewicz, Kielce | 125 |
| 101. V. Pinagel, Aachen | 125 |
| 102. Svend Aæ, Horsens | 125 |
| 103. W. R. Daingerfield, San Francisco | 125 |
| 104. B. Rifling, Kristiania | 125 |
| 105. Kap. Letord, Ain Sefra | 125 |
| 106. J. M. Warden, Edinburgh | 125 |
| Frankoj | 21.750 |

Entute (ĝis la 10 januaro) 106 Garantiantoj mendintaj 174 atestojn, valoro 21.750 frankoj (8700 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Avizoj.** — Dum januaro la Delegitoj ricevos N-on 18 de la Oficiala Bulteno, kiu rilatos al la statistiko de la Esperantiaj servoj dum 1913, ĝenerala propagando kaj balotado de la Komitato por nova periodo de tri jaroj.

— La Oficiala Jarlibro de UEA por 1914 estas nun en presado kaj estos forsendebla en februaro. Ni ne povas ĝin pli frue aperigi, ĉar, malgraŭ niaj admonoj, oni komunikas al ni la informojn pri novaj Entreprenoj, pri

adresŝanĝoj, korektoj, ktp., precipe je la fino de novembro, kaj en decembro. Estas do memkompreneble, ke ĝi ne povas esti preta antaŭ februaro. Cetere la maloportunajoj rezultantaj el tio estas multe malpligrandigitaj pro la fakto ke ĉiu membro repaginta la kotizajon ricevis provizoran membrokarton, kiu tuj permesas al li uzi la servojn de UEA.

**Doganaj faciligoj por ciklistoj.** — La C. O. de UEA klopodis por ke la Esperantianoj turistoj vojaĝantaj kun bicikleto povu eniri Svisujon, ne estante devigataj je alia dogana formalajo krom je la montrado de la membrokarto de UEA. Per leteroj de la 20 septembro kaj 26 novembro, la svisa Supera Direkcio de la Doganoj esprimis sian konsenton pri tiu favoro, kiun povos uzi ĉiu nesvisa Esperantiano havanta la definitivan membrokarton de UEA kaj deziranta biciklete ekskursi tra Svisujo. Samcelaj klopodoj estas farataj por aliaj landoj.

**Paroladvojaĝo Privat.** Nia komitatano S-ro Edmond Privat faris pri UEA kaj la nuna praktika uzado de Esperanto publikajn paroladojn france en *Valentigny, Montbéliard* kaj *Besançon* (Doubs, Francujo). Fondiĝis grupoj en Valentigny kaj Besançon, kaj en la tri urboj malfermiĝis kursoj. En Belgujo S-ro Privat paroladis la 28 novembro en *Charleroi* ĉe la Universitato de Laboro (180 personoj) kaj ĉe la grupo de tiu urbo, la 29 en *Bruselo* ĉe la Poliglota Klubo (200 personoj), la 30 ĉe la *Antverpena* grupo. S-ro P. vizitis en Bruselo la belgan Ministron de Financoj, kiu promesis helpi por ke esperantianaj biciklet-istoj povu eniri Belgujon kun specialaj doganaj faciligoj.

En *Amiens* (Norda Francujo) S-ro P. paroladis la 3 decembro ĉe la Komerca kaj Industria Societo (300 personoj). Post vizito de S-ro P., la Prezidanto de l'Urba Iniciata Sindikato promesis eldoni gvidfolion tra Amiens.

En ĉiuj urboj oni kolektis novajn aliĝojn. Laŭ la raportoj de la Delegitoj kaj de la lokaj gazetoj, S-ro P. en ĉiuj siaj jusaj paroladoj tute ne pritraktis Esperanton mem, sed nur la nunajn servojn de la lingvo en ĉiaj rilatoj. La rakontado pri multaj faktoj, spertoj kaj la statistikoj de UEA faris tre gravan impreson je la ĉeestantoj. Ĉe la fino de ĉiu publika parolado, S-ro P. ankaŭ parolis dek minutojn en Esperanto kaj la flueco de nia lingvo ankaŭ estis tre impresa propagandilo [1].

**Statistiko.** — Movado de la korespondajoj en la C. O. de UEA dum la lastaj du monatoj:

**Novembro**

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1206 | 2373 | 249 |

Tuta sumo: 3828. Antaŭa monato: 3491. Antaŭa jaro (sama monato): 5534.

**Decembro**

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1239 | 3194 | 359 |

Tuta sumo: 4792. Antaŭa monato: 3828. Antaŭa jaro (sama monato): 2972.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 novembro 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 1420 kotizajoj (el kiuj 50 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 126; Studenta Fako: 11.

Je la 31 decembro 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 2627 kotizajoj (el kiuj 69 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* Interŝanĝa Fako: 243; Studenta Fako: 17.

[1] S-ro Privat informas siajn korespondantojn, ke lia restada adreso estas: 32, rue Vergniaud, Paris XIII.

**Regionaj kunvenoj.** — Laŭ § 24 de la Statuto regionaj Esperantiaj kunvenoj devas okazi en ĉiu loko, kie estas almenaŭ 20 Esperantianoj. Protokolo de la kunveno estu sendata al la C. O. de UEA. Ĝis nun tiaj kunvenoj okazis en *Antverpeno* (3 nov.), *Capetown* (23 nov.), *Dijon* (2 dec.), *Dresden* (15 nov.), *Edinburgh* (26 nov.), *s'Gravenhage* (24 nov.), *Krefeld* (4 dec.), *Liverpool* (22 nov.), *München* (4 dec.), *Paris* (29 nov.), *Praha* (17 dec.), *St-Etienne* (12 dec.), *Trieste* (9 nov.).

Pro manko de loko ni ne povas represi la protokolojn de tiuj regionaj kunvenoj. En ĉiu el ili la raporto de la Delegito estis danke aprobita. Sekvis parolado pri la nuna stato de UEA kaj diskutado pri la regiona agado.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato novembro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 2902. 25 | Oficejo | 67. 75 |
| Subtenantoj | 249. 40 | Salajroj | 430. — |
| Entreprenoj | 1475. 55 | Korespondado | 325. 43 |
| Jarlibro | 384. 42 | Materialo | 139. 60 |
| Adm. Enspezoj | —. 35 | Presajoj | 366. — |
| | | Jarlibro | 189. — |
| | | Ofic. Organo | 442. — |
| | | Adm. Elspezoj | 51. 50 |
| | Fr. 5011. 97 | | Fr. 2011. 28 |
| | | Saldo | „ 3000. 69 |
| | Fr. 5011. 97 | | Fr. 5011. 97 |

**Novaj Delegitoj.**

Pro manko de loko kaj la baldaŭa apero de la Jarlibro ni ne enpresigas ĉi tie la nomaron de la lastatempe elektitaj Delegitoj. Iliaj nomoj kaj adresoj estos presataj en la Jarlibro 1914. De la venonta N-ro ni publikigos, kiel kutime, la elektojn kaj ŝanĝojn okazintajn post la presiĝo de nia Jarlibro.

# Esperantia Parolejo

## Al kolegoj Delegitoj

La plej bona propagandilo de la lingvo Esperanto estas UEA. Nun ĉiuj konsentas pri la admirinda facileco kaj la praktikeco de la internacia lingvo; sed por instigi la personojn lernigi ĝin oni devas montri al ili la grandajn servojn nuntempe de ĝi faritajn precipe dank'al UEA. Tial oni devas varbi kiel eble plej multajn Esperantianojn.

En la departemento Corrèze (Francujo), kie pro multaj kaŭzoj la propagando por Esperanto estas malfacila, mi tamen sukcesis varbi al UEA du gravajn societojn: la *Komerca Ĉambro en Tulle* kaj la *Societo de Komerca Geografio en Brive.* Jen kiamaniere mi agis:

Mi sendis al ĉiuj anoj de la estraro de la supre diritaj societoj ekzempleron de la bonega kaj malkara propaganda folio pri UEA. Mi parole interesis pri nia afero la anojn de mi private konatajn, kaj mi vizitis la Prezidanton kaj la Sekretarion, al kiuj mi montris taŭgajn propagandilojn (internacia korespondado, komercaj reklamoj, gvidlibroj, ktp.). Poste mi sendis al la Prezidanto oficialan peton por varbi la societon kiel Esperantia Entrepreno. En mia letero mi estis resuminta la ĉefajn informojn pri UEA, ĝia graveco, ĝia disvastiĝo, ĝia utileco, la de ĝi liveritaj profitoj (ricevo de jarlibro, *senpaga enpreso de reklamo*), kaj la malkareco de la jara kotizajo. Mi aldonis al mia letero ekzempleron de *Esperanto*, oficiala organo de UEA, de nacilingva gazeto kaj de *Jarlibro de UEA.* Mi estas firme certa, ke tiu lasta broŝuro, grava kaj fortega propagandilo, decidigis la plej ŝanceliĝantajn skeptikulojn.

Nun, kiam UEA havas en mia regiono tiajn gravajn patronojn, kiajn la du supre nomitaj Societoj, kies anoj estas eminentaj personoj, mi tuj ekpenos varbi industriajn aŭ komercajn firmojn, kaj mi esperas sukcesi por la plej granda bono de Esperanto.

Nu, faru kiel mi, kolegoj Delegitoj, varbu la Komercajn Ĉambrojn, la industriajn kaj komerçajn societojn, la iniciatajn sindikatojn por la disvastiĝo de la turismo, kaj poste la diversajn firmojn de via regiono. Kunhelpante UEA vi faros la plej grandan servon al nia kara afero; kaj eĉ se vi ne ĉiam sukcesos en viaj klopodoj, vi malgraŭ tio estos farinta la plej bonan reklamon por Esperanto!

Ni konstante semu kaj senlace servu!

*F. Soubranne* (Del. Tulle).

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *N. V. Starosjelskij*, Del. en Asĥabad, dankas S-rojn L. Colonnese, Del. en Milano, kaj M. Wissenstein pro afabla helpo dum vojaĝo.

.·. S-ro *M. Génermont*, Esp-iano en Moulins, sendas siajn korajn dankojn al S-ro Dottarelli, Del. en Roma, dank' al kies helpo li povis ricevi fotografaĵojn de artaj monumentoj kaj skulptaĵoj, kiujn alimaniere li neniam povus ricevi.

.·. S-ro *J. Tamke*, Del. en Agathenburg, kaj edzino dankas korege Ges-rojn Saulnier, en Machy, kaj Martin, en Chagros, pro amika akcepto; dankojn ankaŭ al la Vicdel. en Dijon kaj la Del. en Paris pro bonaj informoj kaj gvidado.

.·. S-ro *M. Morgendorff*, Esp-iano en Groenlo, dankas al Del. en London, Chicago, Berlin Dresden, Hannover, Roma kaj Marseille pro donitaj komercaj informoj, kaj ĉiujn personojn, kiuj donis al li la en sia anonco en „Esperanto" petitajn adresojn. Dankon al la samideanoj en Aachen kaj precipe al S-ro Pinagel.

.·. Firmo *Henri Leroudier*, Esperantia Entrepreno en Lyonj kiel danko pro grava servo farita de la Del. en Lille, faris donacon al la esp. grupo de Lille.

.·. S-ro *R. Levy*, Esp-iano en Avignon, dankas la Del. de Grenoble pro lia afableco kaj liaj vizitoj en la resanigejo, kie pro malsano li devis restadi.

.·. S-ro *P. Tobi*, Esp-iano en Los Angeles, esprimas korajn dankojn al S-roj Qu. de Olivera, Del. en Rio de Janeiro, kaj J. S. Russel, Del. en Auckland pro gravaj sciigoj.

.·. S-ro *von Eickstedt*, Esp-iano en Charlottenburg, sincere dankas al la Del. kaj samideanoj, kiuj helpis lin dum vojaĝo, precipe en Mézières, Paris, Pamplona, Zaragoza, Gibraltar, Tanger kaj London.

.·. *Neumann & K-io*, Esperantia Entrepreno en Dresden, dankas al S-ro D-ro Ŝimonek, Del. en Chicago, pro grava servo.

.·. S-ro *F. Beck*, Esp-iano en Erzsébet falva (Hungario), esprimas sian koran dankon al S-ro J. Silbernik, Del. en New York, pro afable donita informo.

.·. S-ro *Ludvik*, Del. en Kounice (Bohemujo), esprimas sian sinceran dankon al la Del. en Bern pro afabla akcepto kaj gvidado tra la urbo, al la oficistoj de la Centra Oficejo en Genève kaj precipe al S-ro Ploussu, Del. en Grenoble, pro lia komplezemo kaj helpo dum sia trimonata restado.

.·. S-ro *J. Grund*, Esp-iano en Odense, kore dankas S-ron N. Carryer, Subdel. en Hobart (Aŭstralio), pro afabla plenumo de petitaj informoj.

.·. Firmo *Mahler & Jackiewicz*, Esperantia Entrepreno en Moskvo, dankas al la Del. en Stockholm kaj Kopenhago.

### Averto

De kelkaj belgaj kaj nederlandaj Delegitoj ni ricevis plendon kontraŭ iu serba Esperantisto sin nomanta Budjevac, kiu vizitante Belgujon kaj Nederlandon prunteprenis monon de Delegitoj kaj ĝin ne redonis. Li estas persono de 30 jaroj, kun haroj kaj okuloj nigraj, koloro de la vizaĝo flava, senbarba. Li portas nigran surtuton ornamitan per astrakana pelto. Li rakontas pri la Balkana milito kaj diras, ke li vojaĝas por grava serba ĵurnalo.

Oni estas petata noti tiun informon kaj sin gardi kontraŭ tiu trompulo.

## Reciproka Informado

Por utili al niaj membroj ni komencas hodiaŭ novan servon, kiun ili certe ŝatos. Ĉiu leganto, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, legantoj de *Esperanto*, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj k. e. iu povos respondi la demandon. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, kompreneble, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

### Demandoj

1. Oni scias, ke la surtablaj elektrolampoj estas maloportunaj pro la elektra fadeno, kiu restos al ili alligita. Ĉu iu konas aparaton fiksitan al la muro, sur kiu envolviĝus la fadeno, kiam oni ĝin malligas de la lampo? — M. 6.

2. Ĉu iu povus doni al mi la adreson de serioza firmo, prefere esperantista, kie oni vendas amerikajn seĝojn, per kiuj oni povas skribi preskaŭ kuŝante kaj kun la kruroj preskaŭ pli altaj ol la kapo? — M. 5.

3. Ĉu iu povus doni al mi la titolon de iu libro priskribanta (france) la nunan staton de Italujo laŭ komerca, intelekta, socia vidpunkto? — M. 4.

4. Ĉu iu povas informi min pri la rusaj urboj havantaj pli ol 100.000 loĝantoj, laŭ la plej freŝaj oficialaj statistikoj? — M. 2.

## Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro A. Reni, Del. en Verona, naskiĝis filo Leopoldo Angelo Reni.

— Al Prof. Demetrio Cossaro, Del. Capodistria, naskiĝis filino Jozefino Cossaro.

**Fianĉiĝo.** — S-ro Peter K. Geier, Del. en Graz kaj sekretario de la Stiria Esp- Societo, fianĉiĝis kun F-ino Leonie Sartory, Esp-ianino en Graz kaj 2-a kasisto de la St. E. S.

— S-ro H. Jakob, administranto de *Esperanto* kaj *Esperantia Librejo* fianĉiĝis kun F-ino Anny Lork, Esp-ianino en Basel.

**Edziĝo.** — F-ino Janina Hirszowska, filino de la Varsovia Del., kun S-ro Jaroslav Hebky, ambaŭ membroj de UEA en Varsovio.

## Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercaĵo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

### Propagando

La plimulto de la ĉi tieaj Esperantianoj estas oficistoj de la firmoj: *Rheiner Maschinenfabrik Windhoff & Co.* kaj *Gebrüder Windhoff, Motoren- und Fahrzeugfabrik* en *Rheine* (Vestfalio, Germanujo). Estas tre eble, ke ni povus gajni ambaŭ firmojn kiel Entreprenojn, se ili konstatos, ke Esperanto estas praktike uzata. Esperantianoj do helpus nian aferon mendante katalogojn aŭ informojn de la supraj firmoj.

## Internacia enketo pri eksterprofesia laboro de geinstruistoj

En ĉiuj landoj geinstruistoj laboras eksterprofesie por plialtigi sian salajron. En Francujo, 30.000 geinstruistoj plenumas la oficon de sekretarioj en urbdomoj. Sed tiumomente ili plendas tial, ke la laboro ĉiutage kreskas neproporcie kun la salajro konsentita de komunumoj. Pro tiu grava situacio, kiu konstante akriĝas, mi tre petas samideanojn dissemitajn diverslande sendi al mi informojn pri eksterprofesia laboro de geinstruistoj, nome respondi la jenajn demandojn:

1e Pri kio okupiĝas geinstruistoj ekster siaj kutimaj laboroj.
2e Kiu ilin pagas? Salajro konsentita?

Al ĉiuj, kiuj bonvolos utili al mi, mi respondos per letero aŭ per karto kaj donos informojn pri sama aŭ alia temo laŭ deziro esprimita. Antaŭdankojn. *André Rouveret*, instruisto-sekr. en *Bagard* (Gard, France).

## Baldaŭ preta

Samideanoj en multaj urboj de Eŭropo memoros la vojaĝadon de S-ro D. E. Parrish, oficiale sendita de la Los Angeles Komerca Ĉambro por reklami Kalifornion per lumbildoj kaj per Esperanto, tra la tuta kontinento.

Escepte Hispanujo kaj Portugalujo, S-ro Parrish vizitis ĉiujn Eŭropajn landojn, kiel ankaŭ partojn de Azio kaj Afriko, dum la 18 monatoj de sia vojaĝo. Konstante veturante, li trapasis ne malpli ol 25 apartajn landojn kaj faris 127 paroladojn en Esperanto.

Ĉiam en vera Esperantujo, S-ro Parrish vojaĝis sur multaj maroj, la Atlantika, Pacifika, Meztera, Norda, Baltika, Adriatika, Egia, Nigra kaj Kaspia kaj sur la grandaj riveroj Volga kaj Danubo. Li trapasis la plej interesplenajn lokojn de la malnova mondo, interalie: Tunizio, Alĝerio, Sicilio, Insulo Malta, Grekujo, Insulo Korfu, Malgranda Azio, Turkujo, la Balkanaj Ŝtatoj (ĝus antaŭ la ekmilito), Krimeo, Trans-Kaŭkazio, Norda kaj Orienta Ruslando, Finnlando kaj ĉiujn landojn de Centra kaj Norda Eŭropo.

Sufiĉega estas la materialo por libro, kiu altiros la intereson de ĉiuj samideanoj, kaj tian libron S-ro Parrish baldaŭ prezentos al la mondo Esperantista. Ampleksa volumo, kun multaj ilustraĵoj, bele bindita, sed tamen malkara en prezo, jen vi havos la rakontojn pri la plej longa kaj unika peresperanta vojaĝo iam farita. Baldaŭ aperos!

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Léonce Nazet, 2 Rue Dufresne, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Edouard Pascal, 73 Rue Chancy, Pl.

AMSTERDAM (Nederlando). — F-ino Chr. Kamp, O Z. Voorburgwal 167, L., Pl., bfl.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Johano Manich, ĉe Esp. Societo „Paco kaj Amo, Montseny 67, 2º, Pl., PM. bfl.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro M. Rodellar, Diputacion 93, poŝtisto, Pl (nur kolorajn naciajn kostumojn kaj tipojn, bfl.

BEROUN II (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jozefo Routa, Beroun II/11, Pl. L. (kun ĉiuj landoj).

BERLIN (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O. 17, (pri Universala Homara Unio).

BILBAO (Hispanujo). — S-ro A. Marroquin, Apartado de Correos 6, Pl. (kun ĉiuj landoj).

BLAGOVEŜĈENSK a./A. (Siberio). — S-ro Arkadio Borisov, L., PK fotografaĵo).

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — F-ino Towett, Farnstr. 43, Pl.

BREMERHAVEN (Germanujo, Hannover). — S-ro B. Trillhaase, Am Hafen 67, Pl., L.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, Pl., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST IX (Hungarujo). — S-ro Francisko Havasi, Ranolderstrato 28 b.

BUDAPEST VI (Hungarujo). — S-ro Rajner, Felsöerdöser n-ro 40, Pl., bfl.

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro Francisco Rigola, str. San Juan 782, Pl. (kun ĉiuj landoj).

BUKUREŜTO (Rumanujo). — S-ro Adrian Bassa, bankoficisto, 8 strato Senatului, Pl. (kun ĉiuj landoj).

ĈERVENY KOSTELEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ladislav Ŝrutek. Sokolska 263, Pl., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj.

ĈES. BUDEJOVICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vojtech Matouŝ, Jirovkova ul. 12, Pl. (muzikaĵojn ktp.).

CHYNOV U TABORA (Aŭstrio, Bohemujo) — S-ro Antonin Klaus, Pl., L.

CLERMONT-FERRAND (Francujo, Puy-de-Dôme). — F-ino Luizo Amora, 10 Rue Barrière-de-Jaude, PM., Pl., bfl. (ankaŭ fotografaĵojn; kun seriozaj personoj en ĉiuj landoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, Pl., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DUISBURG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Chr. Sewing, Neudorferstr. 213, Pl., PM.

FERRYVILLE (Tunizio). — S-ro M. Lecas, Villa Bourquart, Rue Locroy.

FRESNES (Francujo, Nord). — S-ro Renaud Richez (deziras ricevi Esp. gazetojn, interŝanĝe sendos Pl.).

FRESNES (Francujo, Nord). — S-ro Louis Eschembrenner, rue des Rameaux, Pl. (kaj portretojn; precipe kun junaj F-inoj).

FÜRTH (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Johann Bartmann, urba policano, Tannenstr. 1/3, Pl., PM., bfl.

GEESTEMÜNDE (Germanujo, Hannover). — S-ro A. Mendelsson Johannistr. 10, Pl., L.

HALIFAX (Anglujo). — S-ro H. H. Paris, 6 Marvels Square, Saville Park, Pl. (kun ĉiuj landoj; respondos al ĉiuj unufoje).

HODOLANY APUD OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Duŝka Havlîĉkova, Pl. (kun ĉiuj landoj).

HODOLANY APUD OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Ruja Hanzlikova, Pl. (kun ĉiuj landoj).

HODOLANY APUD OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Gusta Linkova, Pl. (kun ĉiuj landoj).

HODOLANY APUD OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Marie Tureĉkova, Pl. (kun ĉiuj landoj).

HODOLANY APUD OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Josef Polzer, Pl. (kun ĉiuj landoj).

JAROMER (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Stefano Nachbaur, Ĉechova 284, Pl. (Povos okaze sendi vidaĵojn el ĉiuj pli grandaj urboj de Aŭstrio).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Netopil, nové mesto 200, Pl., PM., bfl.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Leo Holoubek, n. m. 174, Pl., bfl.

JINDRICHUV HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Eduard Pohl, Vaclavska ul. 54, L. PK., Pl., PM., bfl.

KAMIŜIN (Rusujo, Saratov gub.). — S-ro H. Vukkert, Prospekt Aleksandra II, dom M. K. Zinjkovkago, kaj aliaj lernantoj el superaj klasoj de Reala Lernejo (kun ĉiuj landoj krom Rusujo).

KAMIŜIN (Rusujo, Saratov gub.). — S-ro H. Vukkert, Prospekt Aleksandra II, dom M. K. Zinjkovkago, Pl., L. (kun ĉiulandaj gejunuloj, krom rusaj).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro A. Ahgren, Järnvägsg. 12, PK., PM.

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro A. Ömar, Järnvägsg. 11, PK., PM.

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro E. Melche, Drottngat. 9, PK., PM.

KOUNICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Del. Ludvik, PK., L. (kun ĉiuj landoj).

KRAL. VINOHRADY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro H. Turek, Luzicka 39, PM., bfl.

KRASNO n./B. (Aŭstrio, Moravio. — S-ro J. Hrzebawetzky, Pl., PM.

KRASNOJARSK (Siberio). — S-ro A. E. Stabrovskij, Nikolaevskaja slob., N-Ĉeĥovaja str., d. N-ro 3., Pl., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj demandoj).

LANGESKOV (Danujo, Fuen). — S-ro Niel J. Nielsen, adreso: Gmd. Hans Nielsen, Pl.

LA VARENNE-ST-HILAIRE (Francujo, Seine). — S-ro Victor Martelot, Avenue du Lieutenant Soufflay, Pl.

LIMOGES (Francujo, Haute-Vienne). — S-ro Robert Iribarne, 3 Rue des Halles, PM., PK., L. (pri naciaj kostumoj kaj kapvestoj).

LIMOGES (Francujo, Haute-Vienne). — S-ro H. Sénamaud, 8 Avenue des Ruchoux, PM., PK. (precipe kun alilanduloj kaj ekstereŭropanoj).

LODZ (Rusujo). — Membroj de Esperanta Grupo deziras korespondi kun ĉiuj landoj. La unuan PK. adresu: S-ro Felikso Hiller, Piotrkovska str. 121, Lodz.

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro Marius Gavarry, studento, 4 Place Le Viste, Pl., PM. (precipe kun grandaj urboj).

MOSKVO (Rusujo). — Grupo de junuloj deziras korespondadi per Pl. Adresu: Poŝtamt, poste restante „Esperanto".

MÜLHAUSEN (Germanujo, Elsass). — S-ro Bernardo Huss, Fabrikstr. 44/II, PM., Pl., bfl. (esp. ĵurnalojn; kun ĉiuj landoj ekster Germanujo).

MÜNCHEN (Germanujo, Bavarujo). — S-ro A. Rupperti, Lindwurmstr. 167, Pl. (nur kun eksterlanduloj).

NAGYKÖRÖS (Hungario). — S-ro Szalay Ambrus, X N-ro 17, Pl., PM.

NARVA (Rusujo). — S-ro J. Udrik, Sukonaja M-ra (kun lertaj gesamideanoj).

NOVÉ STRAŜECI apud Kladno (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rich. Jeniĉek.

ODENSE (Danujo). — S-ro H. P. Hansen, V. Stationsvej 38.

OMSK (Rusujo). — S-ro Konstantino Malcev, Pankovskaja 7.

OMSK (Siberio). — S-ro E. Ŝerbakov, str. Springorovskaja 110, Atamanovskij hutor, Pl.

OMSK (Siberio). — S-ro Anatolo Ostrovskij, Slobodskaja 24, Pl.

OMSK (Siberio). — S-ro P. Radin, Saĵinskaja 2 (kun eksterlanduloj).

OREL (Rusujo). — F-ino Kruglikov, poste restante, PL, K.

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — La lernantoj de „Esperantista Klubo Palma", Plaza Weyler 2, Pl. (kun ĉiuj landoj).

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Cedula, 9-a klaso n-ro 121, Lista de Correos, Pl. (kun ĉiuj landoj).

PARIS (Francujo). — Groupe Amical, 9, rue du Renard, Pl.

PEKIN (Ĥinujo). — S-ro Petro Danthine, Taĉmento Belga, PM., Pl. (kolorajn; fotografaĵojn kaj esp. gazetojn kontraŭ ĥinaj).

PIHL APUD HEIDA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochmann, Pl. (nur tre belajn kontraŭ tre belaj).

PLEVEN (Bulgaruj). — S-ro Simo P. Simoff, Rue Alexandrovska, VIII Kvartalo, PM., PK. (ekstereŭropo; donas PM. ankaŭ kontraŭ esp. gazetoj, ĵurnaloj kaj libroj).

PLYMOUTH (Anglujo). — S-ro Preston Pearce, 4 Hobart Terrace, Pl. (de antaŭhistoriaj ŝtonkonstruaĵoj, precipe „dolmenoj" [ĉambrotomboj] el ĉiuj landoj; skribu nur sur adresflanko).

PORTSMOUTH (Anglujo). — S-ro A. Paradise, 62 Lawson Road, L., PK. (kun aliilanduloj vizitontaj la Parizan Kongreson).

PRAHA VII (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Krupička, u. Akademie 230, PK., Pl., L.

PRAHA-VINOHRADI (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Šašek, Riegrovy sady n-ro 2.

PRERAU (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Alf. Novotny, studento, Pl.

RAUMO (Finnlando). — S-ro Ilmari Rautio, Seminario, L., Pl. bfl.

REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro L. V. Niedermeyer, dentisto, Goliathstr., Pl., L. (kun eksterlandanoj, precipe ankaŭ kun kolegoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

SEIFHENNERSDORF (Germanujo, Saksujo). — S-ro Edmund Wenzel, n-ro 537, Pl. (kun ĉiuj landoj; interŝanĝas ankaŭ monerojn).

SEMILY-PODMOKLICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Fr. Bukvic, fervoja statio, PM.

SIDI-ABDALLAH (Tunizio). — S-ro Pierre Mérour, O. M. 3-e.

SIDI-ABDALLAH (Tunizio). — S-ro Albert Courty, O. M. 1.-e.

SINT-MICHIELSGOESTEL (Nederlando). — S-ro L. Brekelmans, Pl., PK., L., PM.

TOKIO (Japanujo). — S-ro T. Ogava, 473 Kami-osaki, Ebaragum, Pl., PM. (antikavajn).

TOULON (Francujo, Var). — S-ro P. Cras, marista leŭtenanto, torpedŝipo Dague (kun Rusoj pri sia proksima vojaĝo al Rusujo).

VERDUN (Franujo, Meuse). — S-ro Lucien Bannier), 11-a kompanio, 166-a de Infanterio, L., PK. (kun ĉiuj landoj).

VILNA (Rusujo). — F-ino Anna Sergeenko, Ostrovorotnaja ul. dom. n-o 46-3, Pl., bfl., PM. (pri diversaj temoj).

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) Pl. (kun ĉiuj landoj).

WIEN (Aŭstrio). — S-ro A. Stratil, bankoficisto, I. Wipplingerstrasse 2, PK., L., PM. (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

AVIZO. — La nova adreso de Librejo „Esperanto" en Montevideo estas: strato Colón 1517, Montevideo (Uruguay).

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune* Côte-d'Or, Francujo.

**ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l' koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.**

DANKO. — Amikoj miaj, korajn dankojn al vi ĉiuj, kiuj gratulis min pro nia edziĝo la 23 novembro 1913 en Kemi. Lilla Salmela, A. Korpelainen.

EDZIĜO. — Fraŭlino, 30-jara, Tolstoj-amikino, deziras edzon nur por frataj rilatoj por organizi terkulturan kolonion. Adreso: Elisavetgrad, Rusujo, Ĥersona gub., poste restante, „Verda Stelo".

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-io. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj K-io, Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

GRAMOFONAJN DISKOJN enhavantajn instruajn aŭ humorajn prozaĵojn en germana, angla, franca aŭ rusa lingvoj kun aldonita skriba enhavo kaj esp. traduko ni aĉetos por efektiva prezo. Proponoj al Ia Esp. Klubo „D-ro Zamenhof", Kladno 983, Aŭstrio, Bohemujo.

GRAVA AVIZO. — Juna inteligenta fraŭlo, komercisto, deziras edziĝi kun fraŭlino aŭ juna vidvino, Esperantistino, sen infanoj. Seriozajn proponojn akompanatajn de portreto adresu al „Hotel Harmanli" en Haskovo, Bulgarujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Santos (S. Paolo), Brazilujo.

IMPORTO, EKSPORTO, ĝenerala agenteco de ĉiuspecaj ŝtofoj, kotonoj, diversaj lanaĵoj, kafo kaj sukero. Mousa Sadka & Joseph E. Khedouri & K-io, Bahraine, Persujo, persa golfo.

MAŜINOJ por farado de la makaronio estas postulataj por fondota fabriko. Mielo ĉiuspeca kaj vakso estas vendataj. Proponojn oni adresu al S-ro V. V Zavjalov, Vicdelegito, Aleksandrovskaja n-ro 8, Ufa, Rusujo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

POŜTMARKOJ, rusaj jubileaj (1905, 1913), litografitaj sur 3 diversaj poŝtkartoj estas sendataj kontraŭ 2 respondkuponoj de S-ro V. Basov, Orel, Rusujo, 2 Posadskaja str. 19.

PRAKTIKAJN ARTIKOLOJN por la ĉiutaga uzado vi trovas en mia prezaro pri tranĉiloj (ankaŭ kun stelo) bruligiloj, tondiloj, raziloj. Mi serĉas personojn, kiuj okupiĝus per disvendo al privatuloj. Postulu Esp. Katalogon ĉe F. G. Jüngel, Dresden-A. 27.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

SIGELMARKOJN Esperantajn aĉetas, kolektas, interŝanĝas kaj vendas siajn proprajn eldonojn (100 diversajn 60 sd.). G. Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

SOCIETOJ, grupoj kaj rondoj esperantistaj estas petataj sendi siajn regularojn al S-ro G. Davidov, Saratov, Rusujo.

VETERANTAŬDIRILO. — 1 peco 0. 50 Sm., 5 pecoj 2 Sm., 4-lingvaj. — Leterpremilo el polurita vitro kun la bildo de D-ro Zamenhof: 1 peco 0. 50 ĝis 2 Sm. **Poŝtrepago aŭ antaŭpago, ĉio afrankite, ĉe Ferd. Jochmann, Pihl apud Haida, Aŭstrio, Bohemujo.**

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO